# REGo

 **RUSIA ESPERANTO-GAZETO** 

***komuna eldono de REU kaj REJM*** ***№ 1 (14) februaro 2003***






***Moskvo, 2003***

# NEBo en Ĉebo:



***la teamo dum unu el gajaj konkursoj***



***per bengalaj fajroj la partoprenantoj salutis la novan jaron***

*En la kuranta trimestro du eminentaj personoj, vaste konataj en nia E-movado, celebris siajn naskiĝtagojn: 31-an de januaro Nikolaj Zubkov – la 85-an, 05-an de marto Mahomet Isaev – la 75-an. REGo gratulas niajn famulojn kaj publikigas iliajn rakontojn pri si.*

---

## *Nikolaj Borisoviĉ Zubkov*

*merita kulturaganto de Rusia Federacio, iama vicprezidanto de ASE kaj ĉefredaktoro de ties "Informbulteno"*



### RAKONTO PRI MI

Mi naskiĝis la 18-an de januaro de 1918 laŭ la malnova (Julia) kalendaro, t.e. la 31-an laŭ la nova stilo – sed tio okazis 2 semajnojn antaŭ la transiro de Rusio al la nova kalendara stilo.

Mia patro estis militinĝeniero. Li partoprenis en 1905 en ribelo de minista bataliono, kiu estis venkita. Por eviti militistan tribunalon li devis fuĝi eksterlanden, kie li loĝis ĝis 1917. Eksterlande, en Svisio, li en 1916 renkontis mian patrinon, al kiu li edziĝis. La patro de mia patrino Abram Cukerman estis verkisto kaj eldonisto en Varsovio. Li famis, i.a., pro tio ke estis unu el renovigintoj de la hebrea lingvo. Lia nomo troviĝas en "Hebrea enciklopedio". Li estis konato de Zamenhof – kvankam ne esperantisto.

En 1930 la patro forveturis kun la familio en Aŝĥabadon por labori en teksa fabriko. Mi tiam lernis en 5-a klaso. Kaj tien, en Aŝĥabadon, ankaŭ venis tiutempe el Ivanovo belgo, bone parolanta la rusan – Stepan Ivanoviĉ Stefan (pri li mencias EdE). Li instruis biologion kaj la anglan. Foje li rakontis al ni pri Esperanto kaj ĝiaj ebloj. Sed tiam mi pri tio ne ekinteresiĝis.

Post du jaroj ni troviĝis en Volgio apud Sizranj, kie la patro estis ĉefmekanikisto en asfalta minejo. Mi kun la patrino foje veturis per ŝipo al Uljanovsk. Kaj tie mi rimarkis en librovendejo "Bazan kurson de Esperanto" (la aŭtoron mi nun ne memoras), aĉetis ĝin kaj ekstudis dum la revena ŝipvojo. Poste, kiam la patro estis en Moskvo, mi petis lin aĉeti en la strato Spiridonovka (t.e., en la sidejo de SEU) Esperantajn librojn. Li aĉetis, sed ne nur – li ankaŭ membrigis min al SEU! Do, tiun membrokarton kun la dato 1932 mi havas ĝis nun.

En 1933 ni venis en Moskvon. Mi ofte vizitis la oficejon de SEU, en Esperanto jam parolis tute bone. Foje mi diris, ke emus iel perlabori monon. Oni proponis al mi provi instrui Esperanton en la koresponda kurso. Mi sukcese provis, eklaboris en la koresponda kurso ekde fino de 1934 kaj laboris tri jarojn – ĝis la fino de 1937.

En 1936 mi studentiĝis en la historia fakultato de la Moskva universitato. En la dua kurso mi ricevis stipendion, kaj pro tio ĉesigis la laboron en SEU.

El famaj esperantistoj de tiu tempo mi plej bone konis Incertov-on, vizitadis lin hejme. Li estis tre bona homo, konvinkita komunisto. Mi eĉ dirus, kredanta komunisto kaj internaciisto. Tre agrabla homo estis Samojlenko, la ĉefa librotenisto en SEU. Ankaŭ Nekrasov-on mi konis. Mi ne vizitis klubajn kaj similajn kunvenojn, nur al Spiridonovka venadis ĉiusemajne – ja mi laboris tie en la koresponda kurso. Kaj tie mi kontaktis homojn.

Kio koncernas Drezen-on, mi vidis lin nur tri- aŭ kvarfoje. Li estis tiom alta partia ĉefo, kiu rigardis tian hundidon kia estis mi, de tia supro, ke eĉ ne rimarkis. Do, li neniam bonvolis konversacii kun mi.

Post la fino de 1937 mi ne tiom ofte venadis al la SEU-oficejo. Kaj foje, komence de 1938, mi venis tien, kaj ekvidis, ke la pordo estis ŝlosita. Mi frapis al la najbaroj. Kaj najbarino, kiu loĝis apude, diris: "Oni ilin ĉiujn hieraŭ arestis". Do, se mi venus antaŭan tagon, tutcerte povus forvojaĝi tien, kie estis Ritjkov kaj multaj aliaj. Apenaŭ oni min pafekzekutus kiel Drezen-on – ne tiom grava persono mi estis, sed koncentrejon nepre trafus. Sed jen, mi bonŝancis. Nu, mi iom tristis, kaj foriris.

Ĉar la tuta supro de la Esperanto-movado estis likvidita, ĉia esperantista agado en la lando ĉesis. Ankaŭ la mia. Nur librojn, kiujn mi havis, mi konservis. En mia Esperanto-vivo komenciĝis longa paŭzo.

La universitaton mi finis en 1941. Poste mi trafis en Militan instituton de fremdaj lingvoj, kie perfektigis miajn francan kaj anglan. Ĝenerale mi lernis multajn lingvojn. Tamen nun ne ĉiujn mi memoras sufiĉe. Bone mi sciis la ukrainan, francan, anglan, germanan, persan, iam lernis kaj diversgrade posedis la latinan, ĉinan, serban, turkmenan, kartvelan. Mi laboris kiel tradukisto, i.a. dum kelkaj monatoj en militesplora fako en Berlino en 1947.

Poste mi instruis la historion (mezepokan kaj novan) en Kazaĥia universitato en Alma-Ata. Eniris mi aspiranturon, sed disertacion ne verkis.

Mia reveno al Esperanto estas ligita al la eldonejo "Nauka" en Moskvo, kie – en la Redakcio de orienta literaturo – mi eklaboris en 1962 kaj en 1964 fariĝis vicĉefredaktoro. Foje, jam en 1970-aj, tien venis viro, kiu proponis por eldono ruslingvan libron pri Eroŝenko. Li multe rakontis pri Esperanto, kia bona ĝi estas… Mi trankvile aŭskultis, kaj kiam li komencis adiaŭi, mi diris al li: "Ĝis la revido!". Li miris, kaj ni ankoraŭ dum kelkaj minutoj parolis – jam en Esperanto. Tiu estis Aleksandr Ĥarjkovskij.

Kaj post kelkaj tagoj Ĥarjkovskij venigis al mi Armand-on. Komenciĝis tiu feliĉa tempo, kiam mi denove ekokupiĝis pri Esperanto – komence en kadroj de SSOD.

Tiam aperis la ideo – restarigi esperantistan organizon. Ĝin lanĉis ne ili, sed M.Isaev. Isaev, sentante certajn novajn tendencojn kaj uzante siajn ligojn, sendis leteron al M.Suslov pri tio ke jen, estas tia bonega rimedo propagandi sovetian vivmanieron kaj estas nekompreneble, kial oni ĝin ne uzas. Kaj Suslov ordonis esplori la aferon. Oni esploris, kaj komisiis al SSOD organizi Asocion de Sovetiaj Esperantistoj – ASE. Do, ĝi estis organizita en 1979. Sed, kiam estis diversaj paroloj kun SSOD-aj oficistoj, mi ne sciis kiel okazis – mi pri tio ne pensis kaj al tio ne strebis – oni min prezentis al CK KPSU kiel vicprezidanton de ASE. Do, mi trafis al ASE sur tiun postenon.

Aperis la demando pri tio, ke asocio sen presorgano estas malplena loko. Ĉar mi laboris en eldonejo, oni decidis, ke mi povas esti utila por tio. Do, mi, kunlabore kun V.Aroloviĉ, I.Gonĉarova kaj aliaj, 10 jarojn fordonis al la "Informbulteno de ASE". Komence ĝi estis plene en la rusa, poste en ĝi estis ĉiam pli da Esperantaj fragmentoj, kaj fine ĝi proksimume duone konsistis el Esperantaj tekstoj. Certe, ĉion kontrolis SSOD-aj oficistoj, sed oni al mi, feliĉe, plene fidis. Kaj la organiza rolo de la bulteno en la vivo de esperantistoj en la lando estis vere granda.

En la 70-80-aj jaroj mi tri foje vizitis UK-ojn (en Svisio, Svedio kaj Hungario), eĉ kun prelegoj.

Kiam venis drastaj ŝanĝoj, kaj esperantistoj komence de 1989 eliris el sub la kontrolo de SSOD, mi ne trovis mian lokon en la novaj strukturoj. Kaj simple okupi honoran pozicion mi ne volis. Do, en 1989 mia aktiva esperantista vivo finiĝis.

***la rememorojn registris N.Gudskov kaj I.Gonĉarova (17.07.2002), esperantigis N.Gudskov***



***Prof. Mahomet Isaev***
*membro de la Rusia Akademio de la natursciencoj, ĉefa scienca laboranto de la Instituto de lingvoscienco de la Rusia Akademio de la sciencoj, konsultanto de la Ŝtata Dumo pri lingvaj problemoj, iama prezidanto de ASE*

## DE VILAĜO AL ĈEFURBO

Mia patro estis lako, kiu jam antaŭ mia naskiĝo transloĝiĝis el Dagestano al Osetio. La patrino estis osetino, la ĉirkaŭaĵo estis oseta kaj tiel rezultis, ke la lakan lingvon mi ne scias (nur poste iom lernis ĝin en la universitato ĉe prof. S.Ĥajdakov), kaj la osetan – tre bone, eĉ poemojn en ĝi verkas… Kaj de la frua infanaĝo, aŭskultante per radio sonojn de la rusa, mi enamiĝis al tiu lingvo.

Lernis mi en vilaĝa lernejo, mi estis la unua kandidato en la distrikto por ricevi oran medalon – jam post la tria klaso mi ne sciis notojn malplialtajn ol "5". Tio estis speciale grava afero, ĉar mi ja loĝis en fremda ĉirkaŭaĵo – dagestanano inter osetoj, kaj, por ke oni min agnosku, mi devis esti la plej bona (per forto mi ne povis tion atingi, estante sufiĉe febla knabo – eĉ malgraŭ tio, ke en la lastaj klasoj de lernejo mi devis ankaŭ labori por nutri la familion: mi fosis alies legomĝardenojn ktp., ĉar du miaj fratoj pereis en la milito, la tria revenis invalido…).

La lernejon mi finis en 1945. Mi estis la unua pretendanto por la ora medalo en la distrikto. Tamen, ĉar mi ne estis pura oseto, oni rilatis al mi kun aparta rigoro. Al la lasta ekzameno pri historio eĉ alvenis speciala reprezentanto el Vladikavkaz (tiam – Orĝonikidze), iu docento, kiu ĉiel volis min humiligi. Sed, malgraŭ ĉio, oni estis devigitaj starigi al mi la perfektan noton. Sed mi estis tiom elĉerpita, ke, elirinte post la ekzameno, falis, kaj malsanis dum monato. La medalon mem mi ne ricevis, nek eĉ specialan ateston ne ricevis, oni en la simplan blankfolion enskribis ĉiujn perfektajn notojn, kio elvokis poste suspektojn en la akcepta komisiono en la universitato… Mi revis studentiĝi en Leningrada universitato. Kaj fine, mi venis en Leningradon – min kunprenis en la trajnon iu sportista teamo, kaj mi sukcesis veturi senpage. Mi faris ĉiujn ekzamenojn, sed pro la skriba ekzameno pri literaturo mi ricevis "4", kvankam al finintoj de nerusaj lernejoj oni devis doni notojn je unu poento pli alte. Sed mia familia nomo estas tia, ke laŭ ĝi estas tute ne videble, ke mi ne estas ruso. Kaj mi ne estis akceptita. Mi ne povis reveni kun nenio – tian honton antaŭ samvilaĝanoj mi ne eltenus, kaj estis preta ĵeti min en Nevon. Mi jam prepariĝis al tio, eĉ pankuponojn miajn donis al iu abituriento-uzbeko, kiu konstante malsatis, kaj dum du tagoj nenion manĝis, nur akvon trinkis. Sed tiam okazis, ke iu knabino, kiu ne estis akceptita en la universitaton, sin pendumis. Kaj la rektoro komencis konstantan, dum tutaj tagoj, akcepton de apelacioj pri la ekzamenoj por eviti ion similan. Mi sukcesis al li penetri kaj, mem minacante pri sinmortigo (pri kio mi ĝis nun hontas, sed mi jam atingis tiom teruran staton), pruvi, ke la noton "4" oni al mi donis maljuste, kaj li rezoluciis pri mia studentigo. En la universitato mi studis tre bone, ricevis perfektan diplomon, kaj poste estis akceptita en aspiranturon. Kaj, kiam mia scienca gvidanto translokiĝis, mi, sekvante lin, transloĝiĝis el Leningrado en Moskvon.

De la komenco mi ekhavis egan intereson al la lingvo-etnaj problemoj. Kiel multaj junuloj, mi, krom la propra fako, pensis pri leĝoj de la homara evoluo kaj la estonteco de la homaro. Kaj mi konstante pensis pri la dilemo: de unu flanko – integriĝo, unuiĝo de la popoloj, de la alia – multlingveco, multkultureco. Post la fino de la universitato, kiam la granda sciencisto Abaev akceptis min en sian aspiranturon, en seminarioj mi aŭdis pri tio, ke, "kiel

nin instruas Stalin", iam ekzistos multnacia komunisma socio. Kaj mi tuj enpensiĝis: do, kio tiam okazos al la lingvo? Kio estos: de unu flanko sennacia socio, de la alia flanko – multnacia kun centoj kaj miloj da lingvoj? Kiel oni kunigu tion? En filozofiaj seminarioj mi pri tio rezonis. Kaj foje min profesoro Bokarev (li estis, cetere, plej granda kaŭkazisto, kaj mem devenis el Dagestano) rimarkis mian intereson al tiuj demandoj, vokis min flanken kaj demandis: "Ĉu vi ne estas esperantisto?" Kaj mi respondis per demando: "Kio ĝi estas?" Li diris: "Ne gravas", kaj foriris.

Kaj post kelka tempo (mi ne memoras, post kelkaj monatoj aŭ eĉ jaroj) mi eksciis, ke en la Instituto de lingvoscienco okazos prelego de prof. E.A.Bokarev pri iu socilingvistika temo. Mi iris tien. La kunsido estis fermita, oni min ne volis enlasi, sed E.A.Bokarev petis, ke oni min enlasu aŭskulti. Kaj subite mi ekaŭdis tion, al kio mem delonge iris! Same, kiel en arbaro, kiam oni iras malsata, kaj jen iu montras, ke tion ja eblas manĝi, ke apude multas manĝeblaĵoj. Estas kiel se, ekzemple, al kaŭkazano montri, ke ekzistas manĝeblaj fungoj (en Kaŭkazio oni fungojn tute ne manĝas). Bokarev estis petita prelegi pri Esperanto kiel lingvo de estonta komunisma socio. Sed li estis homo tre singarda – preskaŭ sola el grandaj lingvistoj, kiu ne estis reprezaliita sub Stalin, kaj ĝenerale estis homo tre delikata, kaj en la scienco, kaj ĝenerale. Kaj li komencis paroli tre neprecize. Kaj finfine akademiano Vinogradov al li diris: "Vi ja ne timu! Ni ne provokas vin, al ni estas simpe interese!". "Sed kial vi ekhavis tian intereson?"

La 16-an de februaro 2003 la plej aĝa esperantisto en Samara Valerij Ŝadrin festis sian 90-jaran datrevenon (kaj 75-jaran esperantistecon). Ĝis nun li aktive partoprenas la movadon, vigle agadas en la klubo kaj korespondas kun multaj landoj. En samara E-klubo okazis la solena festado de la granda jubileo. REU kaj REGo kore gratulas la veteranon kaj deziras al li sanon, multajn jarojn kaj multajn sukcesojn (ankaŭ en E-movado).

Kaj la afero estis jena. Ĥruŝĉov estis en Polio. Cirankeviĉ (*ĉefministro de Polio – Red.*) petis lin ne malpermesi Esperanto-movadon, asertante eĉ: "Oni diras, ke vi esperantistojn tute ne havas!". "Ĉu aspirantistojn? Ja kiel da nebuĉitaj hundoj! En ĉiu universitato!" Li tute ne aŭdis, kio ĝi estas! "Do, ni havos konferencon, eble, iu ankaŭ de vi venos?" "Certe, kiom necesos, tiom ni sendos!" Kiam li revenis, oni al li memorigis pri la promeso. Li al la Prezidio de la Akademio telefonis kaj diris: "Nu, vi donu al mi aspirantistojn!". Do, ili komencis serĉi, kaj trovis Bokarev-on. Oni al Bokarev ĉion ĉi klarigis, kaj li komencis paroli pli libere. Tamen, kiam oni direktis lin al Polio al tiu konferenco, li simulis malsanon kaj ne vojaĝis. Sed la afero estis jam farita.

Kaj por mi post tiu prelego de Bokarev fariĝis klare, ke mia pensmaniero estis ne skizofrenia, sed mi, en mia serĉado, iris la ĝustan vojon. Kaj kun Bokarev post tio ĉe mi komenciĝis kvazaŭ subita amo. Antaŭ tio li kvazaŭ min timetis (ja eble mi kun miaj ideoj estas iu provokulo, kiu devas lin denunci), kaj nun la interrilatoj fariĝis tute liberaj.

Tre baldaŭ oni ekplanis Tutmondan festivalon de junularo kaj studentoj. Kaj Bokarev (li estis, ŝajne, kuratoro de la E-programo), diris al mi: "Lernu Esperanton!". Oni ĉi tien invitis por instrui iun estonon. Ni estis ĉ. 50-ope. Li ruzumis: oni nin informis, ke li tute ne parolas ruse. Do li nin instruis per pura metodo de Cseh. Kaj ni ekparolis! Kaj mi tuj enamiĝis al Esperanto por ĉiam. Kaj, krome, tiun amon plifortigis konatiĝo kun biografioj de grandaj esperantistoj. Precipe de Zamenhof, kiu, mi opiniis, estis unu el la plej grandaj homoj de la 19-a jarcento. Kaj ĝis nun tiu amo al Esperanto ĉe mi ne foriras – kaj al ĝi kiel lingva sistemo, kaj al ĝi kiel rimedo de komunikado. Ju pli multe mi ekscias, des pli amas.

***la rememorojn registris N.Gudskov kaj A.Junusov, esperantigis N.Gudskov***

*(daŭrigota)*

# ARANĜOJ

## NOVJARFESTO EN BETULARO

Ho, ne vane la ruslingva vorto NEBo signifas ĉielon! Mi ĉi-jare la unuan fojon partoprenis en tiu aranĝo, kiu pasis dum 31.12.02-02.01.03 en Ĉeboksari jam la sesan fojon, kaj komprenis, kial ĝi ĉiujare fariĝas pli kaj pli populara.


*Garik en la magia ĉapelo*

Ĝenerale en preskaŭ ĉiu numero de REGo estas informo pri iu(j) okaz(i/o)nta(j) renkontiĝo(j) en Ĉeboksari, kaj ĉiam tiuj aranĝoj lasas ĉe la partoprenintoj nur la plej bonajn impresojn. Mi jam skribis, ke laŭ mia opinio ĉefa kialo de tio estas mem la fenomeno de ĉeboksara esperantistarego (ĉu rego de esperantistoj aŭ ega esperantistaro?). La ĉeboksaranoj ĉiam kreas dum siaj renkontiĝoj la etoson ne nur amikecan (kiel okazas dum preskaŭ ĉiuj niaj aranĝoj), sed ankaŭ tre hejmecan. Kaj tiun hejmecon sentas kaj ĝuas ne nur la indiĝenoj, sed ankaŭ la gastoj. Ĉi-foje estis 25 gastoj (10 – el Niĵnij Novgorod, 8 – el Moskvo, 7 – el Kazanj), kiuj kune kun preskaŭ 40 mastroj konsistigis pli ol 60-personan NEBon-6 (se mi ne estus ateisto, mi dirus "ĉielon-paradizon"). La aranĝo ĉi-foje estis dediĉita al magio, certe sub la influo de la ĵus aperinta dua filmo pri Harry Potter. Sed tamen ne la temo estis ĉefa allogaĵo de NEBo, malgraŭ ke ĝi sendube aldonis iom da ĉarmo. La ĉefa estis tio, ke ni festis la Novjaron inter la geamikoj.

Sube vi trovos viglajn rememorojn pri NEBo-6 de unu el la ĉeforganizantoj.

***Garik Kokolija (Moskvo)***

---

Ĉio komenciĝis de tio, ke mi kun la fratino malfruis al buso. Ĝuste al tiu buso, kiu promesis venigi nin al ĵusbakita lernejo de magio kaj sorĉo. Gratulinte unu la alian pro tiu atingo (tamen plene niakaraktere, t.e. sen histerioj kaj interkulpigoj), ni iris varmiĝi al ĉieaj esperantistoj (almenaŭ pro tio ni dankas ilin, tiutage estis ege malvarme, kaj ni tute ne ĝois pasigi du horojn dancetante en la busstacio).


*la ĉeboksara koruso*

Proksimime post 3 horoj antaŭ du niaj okulparoj aperis la bazejo "Berjozka" kun ĉiuj siaj belaĵoj, vestita per eterna frido pro malbona hejtado. Sola avantaĝo de tiu ĉi frido – veninta antaŭ 2 horoj pli ĝustatempa parto de la organiza teamo signife "malvarmiĝis", ĉar tuta ilia antaŭsupozata kolero pri ni jam estis elspezita por varmiĝo.

Bluiĝantaj kaj tremantaj ili vane provis eligi rarajn prujniĝintajn ideojn el dormemaj cerboj; bluiĝantajn kaj tremantajn nin trovis la unua kamikazaro, kiu venis per moskva trajno. "Nul gradoj surstrate, bagatelo" – diris ĝi ĥore kaj, formetinte varmajn vestaĵojn, ekis brakumi nin. Kaj tuj estiĝis varme kaj gaje, kaj i.a. ni rememoris – Novjaro venos hodiaŭ!



*dekanoj de la magiaj fakultatoj*

La popolo po iom alvenadis kaj rapide engaĝiĝis kutiman procezon de preparo de la aranĝo, kadre de kiu okazis ekz. kurso de Esperanto por komencantoj, kiun vizitis ĉiu senescepte – la plej varma ĉambro neniun lasis indiferenta; magia altlernejo komensis sian funkciadon.

Ĝis magiaj 24:00, kiuj kapablas transformi 2 al 3 kaj ĉevalon al ŝafo, restis amaso da tempo, sed ĝi kuris, rajdis kaj intertempe jete flugis – ĉiuj dezirantoj kaj ne tre estis volonte akceptitaj al la lernejo, renomitaj kaj dividitaj je 4 fakultatoj – penskapabla kaj aldone tremkapabla ĉapelo prenis al si dividan taskon. Sur parolanta muro aperis tagordo de magiaj lecionoj – homoj disiris laŭ la aŭditorioj... Poste, kurserĉante la literojn de propra devizo, ili porlonge forgesis pri la malvarmo; sed fakte la plej malfaciala tasko estis diveni tiujn devizojn, ĝuste kunmetinte la akiritajn literojn.



*magia kurso pri paperfaldado*

Ni jen, la 12-a; sub la plafono de feste ornamita manĝejo fluas la ondoj de rido, flugetas odoroj de manĝaĵoj kaj de la abio, sonas voĉoj de la prezidantoj (komence de la rusia, kaj poste – de nia pli amata sed malpli komprenebla Kostik, kiu elparolis Krapivin-ece bonkoran parolon). Supreniĝas la pokaloj, siblas ĉampano, ĉiu mallaŭte flustras gravan por si deziron, kiu komenciĝas naive egoisme "Estu…".

"Estu ĉi-jare bone al vi... nu kaj al mi kune kun vi". Gratulojn okaze de la nova jaro!

***Ljuba Ĥaritonova (Ĉeboksari)***

P.S. Mi certe ne forgesis, ke estis ankaŭ la dua (kun novjarfesta fabelo, "Sabantuj", magiaj seancoj, ekskurso al glaciiĝinta Volgo – loka vidindaĵo, ekzamenaj teamaj laboroj, kantoj ĝis la matenkrepusko) kaj la tria tago (kun longa vekiĝo, plilongiĝinta matenmanĝo, rapida ordigo, brua gaja ludkurado en la bushaltejo dum atendo de la buso kaj kantado ĝis Ĉeboksari, kiam jam ne gravas kion kanti – gravas ke ĥore!)

## LA DUA BALTA ESPERANTO-FORUMO

Balta Esperanto-Forumo estas tradiciiĝanta esperantista renkontiĝo kun vasta programo. Ĝin iniciatis internacia sendependa revuo "La Ondo de Esperanto". La unua Forumo okazis la 14-18-an de julio 2002 en Kaliningrado kun 123 aliĝintoj (el ili 113 reale partoprenis) el 12 landoj: Ĉeĥio, Danlando, Francio, Germanio, Italio, Litovio, Pollando, Ruslando, Slovakio, Svedio, Svislando, Ukrainio.

La dua Forumo okazos la 17-22-an de julio 2003 en Olsztyn (Olŝtin). Ĝin kunorganizas Varmia-Mazuria E-Societo kaj "La Ondo de Esperanto". Olsztyn situas en la nord-oriento de Pollando, duonvoje inter Varsovio (200 km) kaj Kaliningrado (150 km). Olsztyn (170 mil loĝantoj) estas la ĉefurbo de la regiono (vojevodio) Varmio kaj Mazurio. Ĝuste en ĉi tiu jaro oni solenos la 650-jariĝon de la urbaj rajtoj, kiujn Olsztyn ricevis en 1353. La jubilea dato estos bona preteksto por konatiĝi kun la historie kaj arkitekture interesaj urbo kaj regiono. La programo enhavos temajn prelegojn kaj ekskursojn. Speciala seminario traktos la konsekvencojn de la aliĝo de Pollando kaj aliaj orienteŭropaj landoj al la Eŭropa Unio. Krome, ni denove diskutos la rolon de Esperanto kaj esperantistoj en la nuntempa mondo, kun speciala atento al Baltio.

"Slavaj influoj en Esperanto" estos la ĉefa temo de la kultura-kleriga programo kun prelegoj pri la lingvaj, ideologiaj kaj kulturaj aspektoj de tiu temo. Oni aparte emfazos la centan datrevenon de la Fundamenta Krestomatio kaj la 75-an – de "La Tajdo" (Hohlov). Redakcianoj de "La Ondo de Esperanto" respondos demandojn de legantoj. La eldonejo "Sezonoj" intencas en Olsztyn okazigi prezenton de la kolekto "Rusa Novelaro". Partopreno de redakcianoj kaj kunlaborantoj de "La Ondo" kaj "Sezonoj" garantias altan nivelon de la prelegoj kaj seminarioj. Denove okazos serio da prezentiĝoj "Duonhoro kun…". Kvankam la programo celas Esperanto-parolantojn, laŭnecese okazos paroliga kurso.

> Kruko iras al poŝtoficejo kaj transdonas al la giĉetisto grandan pakaĵon kun plurfoja grandlitera surskribo: "FRAGILA".
> Giĉetisto: *Ĉu estas io rompebla en tiu ĉi pakaĵo?*
> Kruko: *Certe ne! "Fragila" simple signifas "nerompebla" en Volapük!*
> ***(esperanto-anekdotoj)***

FREŜO estis en la 1990-aj jaroj kvazaŭ vizitkarto de Olsztyn en Esperantujo. FREŜO "reviviĝos" kadre de BEF kiel serio de amuzaj vesperoj kun kvizoj en agrabla etoso. Funkcios libroservo, foiro de esperantaĵoj, fotoekspozicio kaj libera tribuno. Pliaj programeroj estas bonvenaj.

Internulejo de la Ekonomia Mezlernejo, kiu pitoreske situas proksime al du lagoj ekster la urbocentro, estos nia forumejo. La forumanoj povos loĝi en ĝi kaj manĝi en la lerneja manĝejo kontraŭ nur 10 eŭroj tage. La tutforuma prezo estas 50 eŭroj. Oni povos loĝi en unu el la urbaj hoteloj. Prezoj varias inter 25 ĝis 90 eŭroj por unu tagnokto kun matenmanĝo.

Post la Forumo okazos por dezirantoj vizitado de Kaliningrado kaj konatiĝo kun vidindaĵoj de tiu unika regiono. Petu pliajn informojn kaj demandilon por ricevi ĝustatempe invitilon (ĝi estas bezonata por ricevi la vizon de Ruslando).

Pri la aliĝado, loĝado kaj aliaj surlokaj aferoj skribu al la lokaj organizantoj: Marian Zdankowski, ul. Limanowskiego 36/3, PL 10-343 Olsztyn, Pollando; telefonnumeroj: (48-89) 5347424, 5268702, poŝtelefono (48) 604071141 (Marian Zdankowski); (48-89) 5429972 (Elżbieta Frenszkowska); rete <avo_lamer@labnet.pl> kaj <angiel@polbox.com>. Pri la programo kaj Postforumo korespondu kun "La Ondo de Esperanto": RU-236039 Kaliningrad, p/k 1248; telefonnumero (0112) 566033 (ne frumatene); rete <sezonoj@gazinter.net>. Pliaj informoj pri BEF-2003 estas en la retpaĝaro de Sezonoj <http://esperanto.org.ondo> en la rubriko "Balta Esperanto-Forumo". Bonvenon!

***"Sezonoj"***

# Ukrainio invitas

## Tradiciaj E-Renkontiĝoj de UkrEA

1. **“Aprilaj ridetoj”**, 30.03-01.04.2003, Odeso. Tatjana Auderskaja, str.Korolenko 5B-26, Odeso-100, UA-65100; rete <zoo@te.net.ua>.

2. **“Aroma Jalto”,** 01-11.05.2003. Volodimir Hordijenko, p/k 35, Kijiv-133, UA-01133; rete <volodimir_h@ukr.net>.

3. **“Estero”,** 05-06.07.2003, Ternopila provinco. Viktor Pajuk, Mikola Kriveckij, p/k 83, Ternopil-1, UA-46001; rete <elena.pajuk@undp.org>, <lnp@un.kiev.ua>.

4. **“Ekspedicio Dnister-2003”,** komenco de aŭgusto 2003, delto de Dnister. Junulara E-klubo “Verdaĵo”, rete <zoo@te.net.ua>.

5. **“Suda Bordo de Krimeo”**, 16-24.08.2003, turista marŝo. Mikaelo Ĵdanov, str.Sverdlova 83-44, Jalto, UA-98603; t.h. (380-654) 378189; rete <volodimir_h@ukr.net>.

6. **“Hoverlano”,** 24.08.2003, Karpatoj. Jaroslav Zaĥarija, str.B.Ĥmelnickij 82/4-8, Ivano-Frankivsjk, UA-76006.

7. **14-a Kongreso de UkrEA**, 01-02.11.2003, Kijiv. Volodimir Hordijenko, vd supre.

8. **“Zamenhofaj tagoj”,** 13-14.12.2003, Odeso. Tatjana Auderskaja, vd supre.

9. **Novjarfesto en Karpatoj**, 31.12.2003-01.01.2004. Jaroslav Zaĥarija, vd supre.

10. **“Kristnaska birdokalkulo”**, 04-07.01.2004, Odeso. Tatjana Auderskaja, vd supre.

## LA ESPERANTO-FESTIVALO “AROMA JALTO-2003”

Ukrainia Esperanto-Asocio invitas Vin viziti la plej prestiĝan kuraclokon de Ukrainio, krimean urbon – Jalton, kie dum 01-11.05.2003 okazos la tradicia lingva E-festivalo “Aroma Jalto-2003”. Belega ekzotika naturo, altaj montoj, senlima Nigra maro, florantaj kreskaĵoj, historiaj kaj naturaj vidindaĵoj inspiros Vian animon kaj iĝos neforgesebla evento de la jaro. Krimeo ĉiam allogis multajn homojn, kiuj strebas alten. Famaj verkistoj, poetoj, pentristoj vizitis tiun ĉarman bordon de la duoninsulo por krei siajn ĉefverkojn. Venu kaj komprenu, kial Krimeo estas nepre vizitenda almenaŭ unufoje en la vivo, des pli en gastama kaj amika Esperanto-etoso. Rapidu kaj aliĝu, karaj!

Eventualaj prezoj: loĝado en 4-6-litaj ĉambroj kontraŭ 2 dolaroj tage (lavabo, duŝejo kaj necesejo estas en la koridoro); nutrado – memstara, proksimas manĝejo, vendejoj, bazareto. La aliĝkotizo por rusianoj estas: 6 dolaroj ĝis 01.03.2003, 10 dolaroj surloke. Kontribuantoj al la programo havos rabaton laŭ interkonsento.

Lingva ordo – tradicie severa. Nulaj komencantoj ne estos akceptataj. Dum la registrado ĉiu partoprenanto memstare plenigos la aliĝilon kaj respondos simplajn demandojn. La aliĝkotizo inkluzivas kaŭcion (2 dolaroj), kiu estos redonenda ĉe obeo de la lingva disciplino. Kadre de “Aroma Jalto” estas planataj A- kaj C-seminarioj por eduko de Cseh-metodaj instruistoj de Esperanto.

Aliĝkotizon kaj aliĝilon bonvolu sendi al Volodimir Viktoroviĉ Hordijenko ĝis la 1-a de marto 2003 laŭ la supre indikita adreso; por la urĝaj kontaktoj uzu la telefonnumeron (380-44) 295 17 01. La duan informilon ricevos aliĝintoj. Bonvenon!

## SUDA BORDO DE KRIMEO

Ukrainia Esperanto-Asocio invitas Vin partopreni unikan turistan marŝon en Suda bordo de Krimeo, 16-24.08.2003. La vojdaŭro estas ĉ. 120 km de Aluŝta ĝis Feodosija, rapido ĉ. 4 km/h. Neripeteblaj impresoj, puraj aero kaj marakvo estas garantiataj. Nutrado el kaldrono. Tendo kaj dormosako estas kunprenendaj. Aliĝkotizo estas 2 dolaroj. Ĝi estas pagenda surloke, sed tipan aliĝilon bonvolu sendi ĝis la 1-a de julio 2003 al Miĥail Ĵdanov (vd supre). La duan informilon ricevos aliĝintoj. Bonvenon al la rava Suda bordo de Krimeo!

## KELKAJ "KIEL" ANTAŬ KIEL



KIEL vi preferus uzi vian matenan tempon? Minimume ĉeestas du variantoj – gimnastiko Ĉigong aŭ matena preĝo. Tute senpripense mi ĉiam elektadis la trian, nome, dormon ĝis matenmanĝo. Minimuman dormon, ĉar antaŭis la Knajpo, la plej fama drinkejo en Esperantujo! Minimume ĝis la dua post noktomezo. Nu, alfrontante en manĝejo sanplenajn vizaĝojn de Ĉigongemuloj, mi sentis konsciencriproĉojn kaj envion, certe. Sed ja – Knajpo!..

KIEL trafi al tiu mirinda Knajpo, vi demandos. Tute simple – aliĝi kaj veni al la Internacia Festivalo (IF), kiu okazas dum jarŝanĝo en Germanio. Estis, do, la 19-a, okazinta inter la 27-a de decembro 2002 kaj la 4-a de januaro 2003 kun la ĉeftemo "Religioj kaj konfliktoj". Ja fakte ne pri Knajpo temis, kaj la ĉeftemo estis plej digne prezentita. Ulrich Brandenburg, diplomato kun 22-jara praktiko, brile rakontis pri regionaj konfiktoj. Bernhard Westerhoff, oficisto de la bahaa centro, klare prezentinta Bahaismon, invitis al la diskuto: kial pluraj religioj, se nur unu Dio? Pri tute ekzotikaj moroj de karaimoj rakontis Ruta Kelevičiute. Ankaŭ la tradiciaj religioj ricevis dignan prilumigon: pri islamo parolis Bernhard Westerhoff, pri aŝkenazoj kaj sefardoj en Israelo – d-ro Amri Wandel, pri la sociala doktrino de la rom-katolika eklezio – pastro Albrecht Kronenberger, pri ortodoksa religio – Tatjana Loskutova, pri ĉio, sed en Dagestano, – bonvolu diveni. Ĉu jam farita? Nu, certe, – Abduraĥman Junusov. Eĉ mi, analfabeta ateisto, entuziasmiĝis por rakonti pri la miraklofara ikono de Tiĥvina Dipatrino...



Abundis ankaŭ ekstertemaj, sed ne malpli interesaj aferoj. Ĉu eblas ne veni, se pri la praastronomio en Sudameriko rakontas profesoro pri astrofiziko, kunaŭtoro de la libro "La kosmo kaj ni" Amri Wandel? Aŭ al kurseto pri briĝo de Dirk de Weerdt? Aŭ al la danckurso de Rob Keetlaer? Aŭ? Aŭ?

KIEL elekti, se antaŭ- kaj posttagmanĝa prelegotempoj enhavis po kvar-kvin samtempaj ebloj? Ĉu denove dormi? Nu, ne! Pli ol ducent IF-anoj venis el siaj 24 landoj ne por dormi, do ĉiu preleginto ricevis abundan aŭskultantaron. Ankaŭ promenekskursoj rikoltis ŝatantojn spite al pluveta vetero. Ja IF okazis ĉi-foje en vera 700-jaraĝa kastelo Gemen kun belegaj ĉirkaŭaĵoj! Preskaŭ ĉiujn kunigis la tuttaga ekskurso al la romia "Colonia Ulpia Trajana" – nuna urbeto Ĉanten kun aro da objektoj el la 100-a jaro p.K. En la ĉarma urbeto Kevelaer (ĉelima kun Nederlando) nin denove atakis pluvaĉo, sed ĝi ne sukcesis venki komunan bonhumoron. Des pli, ĉar post reveno en la kastelo nin atendis la varma etoso de la Knajpo!

KIEL pasigi vesperon en IF? Post la vespermanĝo – kun ĉiuj, sendube, en la ŝika aŭlo. Tie sinsekve prezentis koncertojn la folklora grupo el Gemen kun kantoj-dancoj kaj ŝnapsregalo por ĉiuj, la famega ensemblo "Kajto" kun la peramase kantegataj kanonoj, Elena Pu-

ĥova kun sia nova porinfana muzikalo “La Eta Princo”, Solotronik kun sia teknomuzika versio de Esperantista himno, kaj mi kun – nu, vi scias... Ĉu restas la vesperoj? Ja jes, unu – por la gaja Internacia Koncerto kun varie abunda programo ankaŭ kun la postprogramo de Kim Henriksen! La dua estis tamen Novjara vespernokto – do, por la Silvestra Balo kun rava polonezo kaj por Silvestra Bufedo kun diablo-scias-kio, sed tre bongusta, kaj por tostado-gratulado ĉiuhora omaĝe al ĉiu venanta Novjaro, kaj por eksploda ilumino kaj... !!!

Ĉu mi diru, ke oni povis elekti la distron post fino de la enprogramitaj koncertoj el inter trankvila ronkado en komforte varmaj ĉambroj, nokta promeno aminduma ĉirkaŭ bele lumigita kastelo, kaj... aĥ, denove mi pri la Knajpo!

KIEL modele estas ĉio kunordigita! Ne estas demando, ĉar la programo efektive povus esti modelo por iu-ajn “ĉambra” (200-300 persona) kongreseto. Ĉio pasas senhaste, sen-trude, laŭtempe, trifoje dum tago paŭzigata per bongustaj manĝoj.

Ĉio estas detale pripensita kaj preparita, eĉ la ĉiujaraj surprizoj en la dokumentujo, ricevata de ĉiu IF-ano. Ĉi-jare la surprizo estis libreto da receptoj, vaste prezentanta la mondan kuirarton. Deknaŭjara sperto de IF garantias poluritan, zorge pripensitan organizon por la programo ĉiujare nova. Kaj kvazaŭ en ombro restas la ĉiopova, la modesta kaj ŝatata de ĉiuj, la grandioza kaj la malplej rimarkebla dum la IF mem – la figuro de la ĉeforganizanto Hans-Dieter Platz. Eĉ ne ĉiu konas tiun Hans-Dieter, kiu li estas? Ĉu la ĉieesta HDP? Ĉu vere? Ja jes! Cetere, ankaŭ li estas konstanta adepto de la Knajpo!

KIEL trafi al tiu fama Knajpo? – vi demandas. Tutsimple – aliĝi kaj veni al KIEL, kiu ne estas demando, sed la nordgermana havenurbo. KIEL estas la urbo, kie okazos la jubilea, 20-a Internacia Festivalo, kaj ties ĉeftemo estos RUSIO! Mi majuskligas ankaŭ pro la kaŭzo, ke nur triopo da rusianoj en akompano de la ĉeĥianino Elena Puĥova patoprenis la 19-an IF-on. Do, dum la plilongiga tago nia kvaropo devis reklami la landon, kiu estas la onta ĉeftemo! Tutan tagon ni prelegis, kantis kaj preskonferencis, respond(ec)ante pri ĉio, kio okazas tie, ĉe ni. Ĉu ne estas tro por tiom eta grupo?

Tamen ni, la partoprenintoj de la 19-a IF, havas fortan esperon, ke al la vica, la 20-a, iros vi, spertaj prelegantoj por bonnivele prezenti nian landon kaj nian movadon. Ke iros vi, artistoj, adorataj de EoLA kaj RET, sed preskaŭ komplete nekonataj en Okcidento. Ili ekkonu! Kaj vi, la aliĝontoj, kompense ekkonos la modelan renkontiĝon, inkluzive la plej faman en Esperantujo... nu, vi jam scias.

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## StRIGo-8 PER LA OKULOJ DE EKSTERLANDA AKTIVULO

Al niaj demandoj respondas nia gasto el Katalunio Miquel Gomez i Besos, esperantisto ekde 1992, en la periodo 1996-1998 – vicprezidanto de TEJO, en 1994-1997 kunordiganto de BonEJO (Europa TEJO-oficejo en Bonn, Germanio), dum 2001-2002 estrarano de Portugala Esperanto-Asocio, dum 2002 kunredaktoro de PEA-organo “Nia Bulteno”. StRIGo-8 estas lia unua rusia E-renkontiĝo.

1. Kial vi venis al StRIGo-8?

Mi neniam estis en Rusio, mi volis sperti la etoson de rusia Esperanto-aranĝo, kaj mi aŭdis, ke StRIGo estas speciale interesa.

2. Ĉu la programo sufiĉe pritraktis la temon (“La nigra kaj la blanka: kontrastoj kaj interdependeco”)?

Ege. Fakte antaŭ la aranĝo mi ne komprenis, kial tio povas esti temo de ajna renkontiĝo, sed dum StRIGo mi konstatis, ke oni havis klaran ideon pri kiel funkcii ĉirkaŭ tiu ĉi temo.

3. Ĉu funkciis la 4 StRIGaj leĝoj (partopreno, tagordo, lingva disciplino, etiko) por vi kaj por la aliaj?

Partopreno: jes. Laŭ mi estis unu el la aranĝoj, kie la partopreno estis la plej alta. La or-

ganizantoj bone zorgis ke ĉiuj sciu kiam kio okazas kaj instigis al ĉeestado. Lingva disciplino: estis grandaj streboj de la organizantoj kaj kelkaj partoprenantoj por teni bonan Esperanto-nivelon. Sed inter la komencantoj estas tre malfacile atingi malaltan nivelon de krokodilado, ĉar paroli la gepatran lingvon inter samlandanoj estas ja natura kaj tre malfacile evitebla. Mi persone estas kontenta pri la aplikado de tiu leĝo. Etiko: oh, tio ja estis plenumita tutcerte. Kio estas iom eksterordinara per si mem, ĉefe ne drinki, afero pri kiu mi ne persone samopinias, sed agnoskas ke ĝi estis pozitiva rilate al la funkciado de la aranĝo… kaj alia sekreto... mi blasfemis mialingve ĉiam kiam mi povis... uf!

4. Ĉu funkciis, laŭ vi, la Verda Tempo kaj la Verdaj Spacoj?

Iel jes, iel ne. Mi kredas ke tiuj funkciis nur inter fluparolantoj. La komencantoj simple evitas... Tio povas tamen aperigi certan distancon inter ambaŭ grupoj, kaj tio ne nepre estas pozitiva.

5. Ĉu vi vizitis ĉiujn 4 lecionojn de la Esperanta Kurso? Kial?

Jes. Do, estis ĉiukaze momento kiam regis la nekrokodilado, kaj tio estis malstreĉa. Mi tre ŝatis la etoson, kreitan de la kursgvidantino. Fakte neniam oni havis la impreson, ke ĉeestas kurson, kaj tio estas multe pli amuza, ol kiam oni instruas kiel en lernejo.

6. Ĉu vi ŝatus, ke estu pli da Esperanto? Se jes, kion vi povus proponi por tio?

Mi kredas, ke programeroj devus esti Esperante, kaj se necese – tradukitaj al alia lingvo, sed ne male, ĉar per programeroj en krokodilaj lingvoj la partoprenantoj ne bezonas strebi al lernado de Esperanto.

7. Ĉu vi spertis lingvajn problemojn? Formulu, kio estis tio por vi kaj kiel vi ilin solvis (aŭ penis solvi).

Mi ne konsideris tion kiel problemon. Tion eblus kompari al handikapeco. Fakte dum la aranĝo mem mi neniam havis problemon, ĉar ĉiam eblas trovi manieron komunikiĝi. Kaj dum programeroj plej ofte estis zorgita tradukado.

> Kruko ĵus bone manĝis en restoracio.
> La kelnero demandas: *Kaj ĉu vi ŝatus tason da kafo, sinjoro?*
> Kruko: *Jes, sed sen kremo.*
> Kelnero: *Mi bedaŭras, sinjoro, sed ni ne plu havas kremon. Ĉu vi akceptus kafon sen lakto?*
> ***(esperanto-anekdotoj)***

8. Kion vi dirus pri komunikiĝemo de rusianoj?

Ni diru, ke rusoj estas tute aliaj ol oni estas ĉe mi – en la Iberia duoninsulo. Ili kreas fortajn grupojn kaj komence estas tre malfacile aparteni al tiuj grupoj. Tamen oni estas ĉiam afablaj kaj ĝentilaj al fremduloj. Kiam ili vidas, ke eĉ “stranguloj” kiel mi povas esti simpatiaj, ili ofte tre varme ekrilatas.

9. Bv nomi la aranĝojn, kiuj plaĉis al vi.

Malfermo kaj Konatiĝo, E-kursoj por progresantoj kaj aplikantoj, Horo de letero, E-kurso “Septima”, Aromoterapio, ĉiuj 4 Psikologiaj Testadoj kaj ludoj de Mirina, Prelego pri samurajoj, Ekskurso tra la urbo, Vespero de nigra-blanka poezio, Ombra filmo laŭ la fabelo de Jefim Ĉestnjakov, Nigra-Blanka Karnavalo kun ludoj, Tea ceremonio, Orienta Korto, Nigra-blankaj ekspozicioj, kafejo.

10. Ĉu vi opinias bona, ke novuloj-neesperantistoj partoprenis StRIGon?

Kompreneble. Mi konsideris, ke ili ĉiuj ja ion sciis pri Esperanto. Neniu venis pensante, ke iras al skolta aranĝo. Tiusence ĉiuj eklernis Esperanton. Mi mem partoprenis mian unuan Esperanto-aranĝon sen paroli la lingvon kaj pretervivis ĝin krokodile, sed tio ne malpermesis al mi kapti la esencon kaj restadi. Pro tio mi kredas, ke oni nepre havu ĉiam novulojn.

11. Kion vi povas diri pri la Organiza Teamo kaj ties laboro?

Estas unu eco, kiu laŭ mi montras ke organizantoj bone organizis (dum kiu ajn aranĝo): se oni ne rimarkas ilin. Kaj tio estis tutcerte atingita de la teamo de StRIGo.

12. Komparu StRIGon kun aliaj E-aranĝoj, de vi partoprenitaj (Aŭ: kio estas la diferenco inter eksterlandaj E-aranĝoj kaj tiu ĉi StRIGo?)

Uf!.. Kiom malfacile! Sed mi povus diri ke la diferenco kuŝas ĉe la ekvilibro, kiu venas de plej klara koncepto rilate al la origina ideo – organizado – programo – kaj maniero realigi la ideon pere de la du aliaj punktoj. Alimaniere: oni povas partopreni kelkajn aranĝojn malgraŭ la aranĝo mem. Mi ekzemple partoprenas IS-on malgraŭ la IS mem. Ĝi estas nur ŝelo, kiu maskas iun por mi banalan aferon, sed utila al mi kiel individuo. Male al tio en StRIGo oni havas la ŝelon kaj la frukton ene. Okazadas, ke la temo estas nur kiel kadro kaj ofte evidentiĝas la plej malinteresa afero. Dum kelkaj aranĝoj oni estas tro ambiciaj kaj el ĉio, kion oni spertis, oni pekas je troa farado superflua. Dum StRIGo tute male. StRIGon, do, oni povas partopreni ĝuste pro ĝi, sed ne malgraŭ ĝi.

17. Ĉu vi ŝatus viziti sekvajn StRIGojn? Ĉu vi ŝatus per io kontribui? Se jes, per kio?

Ne demandu per kio mi ŝatus kontribui – estas tro for – sed denove partopreni ĝin mi certe ŝatus...

***intervjuis Irina Gonĉarova (Moskvo)***

## ANKORAŬFOJE PRI StRIGo-8

La 25-an de decembro la loka radiostacio en Jelec denove plezurigis nin per la dekkvinminuta elsendo pri StRIGo-8. Denove ni aŭskultis ĝin kun granda atento kaj koradmiro – jen sonas la ĉarma voĉo de Irina Gonĉarova, jen rapide-rapide parolas Miquel Gomez i Besos, Gennadij Basov detale rakontas pri la nigra-blanka temo de nia renkontiĝo, Roman Bolŝakov klarigas la financajn kondiĉojn. Jen Sveta Gonĉarova diras pri sia arda amo al nia lingvo, jen Saŝenjka Sudakova pasie diras pri siaj impresoj, Vladimir Soroka – pri "Septima", sonas karaj voĉoj de niaj geamikoj. Kaj jen sonas lastaj vortoj de "Nokto ploras" kaj la voĉo de Volodja Soroka finas la programon, kaj ploras jam ne nur "Nokto", subite niaj okuloj ankaŭ iĝas malsekaj... Kaj post la elsendo – falis sur nin skualo de telefonsonoroj, sed tio estas aparta temo.

*Kaj nun – kelkaj eldiraĵoj de partoprenintoj-jelecanoj:*

La elsendo pri StRIGo elvokas agrablajn rememorojn kaj varmajn sentojn. Estas malfacile supertaksi la signifon de tiu ĉi renkontiĝo por ni, jelecaj geesperantistoj, kaj por la propagando de Esperanto en nia urbo. Persone mi havis feliĉan eblon partopreni lecionojn de Irina Gonĉarova kaj sperti ŝian mirindan instrumetodon. *(Vladimir Zuev)*

Mi la unuan fojon partoprenas tiom multnombran E-renkontiĝon, kaj mi ricevis grandan plezuron de komunikiĝo kun interesaj spiritriĉaj kaj spiritbelaj homoj. *(Oljga Merkulova)*

Al mi tre plaĉis E-lecionoj, dancoj kaj ludoj. *(Liza Panasjuk, 8-jara)*

StRIGo en Jelec – ridetoj, ĝojaj vizaĝoj kaj kvar feliĉaj tagoj de la vera festo! *(Aleksandr Tarasenko)*

Kiam mi rememoras pri StRIGo en Jelec, en mia imago aperas belega poezia vespero, Orienta Korto kaj la ceremonio de hisado de la flago en la unua tago de la renkontiĝo. Por mi tiuj momentoj estas la plej impresaj, novaj, neordinaraj. Precipe la hisado de la flago, kiam ĉiu el la partoprenintoj de la granda rondo, ricevinte de Mirina fadenbulojn kaj tenante en siaj manoj iliajn fadenojn, transdonis la fadenbulojn al la plej nekonata por si partoprenanto. Tiel de homo al homo fadenoj plektis reton, sur kiun estis metita la flago (vd. la foton en REGo № 6(13)/2002). Post tio ĉiuj komencis malrapide stariĝi, hisante la flagon, kiu kvazaŭ ŝvebis en la aero. Tio estis impresa, plenigita de profunda senco vidaĵo. Mi ekpensis tiam, ke ĉiujn kunvenintojn en tiu ĉi salono, homojn el diversaj urboj, multaj el kiuj ne konas unu la alian, – ĉiujn ilin kunigas la amo al la internacia lingvo, kaj ke de ĉiu el ni, de niaj agoj dependas ĉu estos hisita la flago de Esperanto super la tuta mondo. *(Lena Lunjova)*

***preparis Nina Zueva (Jelec)***

# Bulteno de REU

## PLANOJ DE REU KAJ STRATEGIO DE LA MOVADO

### *Nun kaj baldaŭ*

La 19-a Konferenco de REU elektis min prezidanto. Mi sincere konfesas, ke mi ne strebis al tio, ĉar opinias, ke dum lastaj du jaroj nia asocio bone progresis sub la prezido de Garik Kokolija, kaj plej bone estus se li restus la prezidanto plu. Kaj, mi ne dubas, se li konsentus, la Konferenco nepre elektus lin denove. Tamen li vere laciĝis sur tiu posteno (ja paralele li plenumadis plurajn aliajn gravajn poresperantajn taskojn), kaj postuli de li la saman streĉan laboron plu kaj plu estus simple ne honeste.

Mi havas malpli da fortoj kaj kapabloj por gvidi la asocion, sed esperas ke, kune kun la nova Estraro, sukcesos almenaŭ ne perdi la atingojn de la lastaj jaroj. Do, ni devas zorge kompili la realajn planojn por la sekva jaro – kaj plenumi ilin.

La unua kaj plej grava faktoro por bona funkciado de la asocio estas eldonado de REGo, pri kio daŭre okupiĝas Garik Kokolija. Ni esperu, ke nun, kiam li liberiĝis de la tedaj prezidantaj taskoj, tion li faros pli trankvile. Signifo de REGo estas des pli granda, ke ĝi ne estas nur asocia organo, sed unuigilo de la movado ĝenerale, dank' al kiu ekzistas konstantaj ligoj inter REU kaj REJM, videblas kultura agado en la lando. Ankaŭ venis la tempo por eldoni la Jarlibron – utilecon de tiuspeca oficiala eldono bone montris la vivo. Ĝin ni planas aperigi jam printempe.

> Post 4-jara laboro, artikoloj en gazetoj k.a. finfine esperantistoj sukcesis akiri, ke en Bolzano, Italio estas strato, kies nomo estas "Esperanto". La 6-an de januaro en la loka ĉiutaga gazeto estis artikolo pri la nova strato "Esperanto". ***(Ret-Info)***

Koncerne la informojn ene de la movado gravas ankaŭ interretaj eldonoj. La dissendolisto <reu-agado> estas bona rimedo por rapide interŝanĝi opiniojn – tamen estas granda peto al la uzantoj iom pli konkrete kaj konstruive esprimi siajn pensojn kaj sugestojn, ne ofendi kaj ne ofendiĝi. Mi petas konstante memori, ke esti estrarano, prezidanto aŭ komisiito de REU ne estas iu pagata aŭ profitdona posteno – ĝi estas ne pli ol morala sindevigo de koncerna persono, kiu plejparton de sia tempo neeviteble dediĉas ne al Esperanto, sed al akiro de la pano. Estus bone, se estus ne tiel, sed dume la aferoj ne dependas de niaj deziroj. Do, ne diru nur: "Vi devas!", sed agu mem kaj helpu. Ni planas ankaŭ pliaktualigi TTT-ejon – tamen ne atendu, ke ĝi fariĝos ia modela brila portalo, por tio E-movado dume rimedojn ne havas. Kaj, ĝenerale, la enhavo pli gravas ol la aspekto, ĉu ne?

Ni planas daŭrigi organizon de renkontiĝoj. Inter ili estos kaj specialaj seminarioj (pri instruado kaj kluba agado), kaj la grandaj komunaj aranĝoj. Temas, certe, pri RET-03 kaj EoLA. La lastan ni esperas komence de 2004 unuigi kun REK, laŭ tre sukcesa modelo de Serovo en 2001, se ni sukcesos atingi interkonsenton kun REJM kaj taŭgan lokan teamon.

La regiona agado kaj interkluba laboro estis preskaŭ konstante nia lama punkto. Nun pri tio okupiĝas novaj personoj – Viktor Kudrjavcev kaj Gennadij Basov, kiuj havas freŝajn ideojn. La libroservo sub gvido de Jurij Karcev ĉiam pli prosperas. Ankaŭ pri libroeldonado ĝi okupiĝos. Konante jamajn rezultojn, ni atendas novajn utilajn libr(et)ojn. Se aldoni, ke ankaŭ Garik pensas pri nova disko, sen novaj eldonaĵoj nia esperantistaro ne restos.

Fine, koncerne la eksteran agadon, gravajn planojn havas Abduraĥman Junusov (starigo

de la ligoj kun neesperantistaj sociaj organizaĵoj) kaj Valentin Seguru (starigo de kontaktoj kun ŝtatorganoj). La labordirektoj estas relative novaj, do, pri la rezultoj ni ne certas. Sed por komenci, por provi ion tiudirekte, ni jam maturiĝis.

### *Kaj kio poste?*

Do, tiom pri konkretaj proksimaj planoj. Sed ĉiu konkreta plano, eĉ se plenumita, estas ne sufiĉe sukcesa se ĝi ne estas parto de iu pli granda perspektiva plano, de iu celkonscia strategio. Pri tio REU ĝis nun praktike ne okupiĝis. Do, mi opinias, ke jam venis la tempo por formuli tian strategion. Pri ĝi mi proponas malfermi la diskuton – en <reu-agado> kaj en REGo (en formo de resumantaj certajn opiniojn artikoloj). Estus bone, se la strategia plano de REU (aŭ eble, por la rusia E-movado ĝenerale) por sekvaj 10-15 jaroj fariĝu dokumento, kiun akceptu la sekva REK. Por lanĉi la diskuton, mi starigas kelkajn elirpunktojn, laŭ kiuj necesos fine formuli apartajn punktojn de la strategia plano.

1. Celoj de E-movado en la tutmonda skalo. Kion, finfine, strebas esperantistoj?
2. Kion, konsiderante la ĝeneralajn celojn de la movado, devas strebi landaj movadoj kaj asocioj?
3. Kian lokon devas okupi la rusia movado ĝenerale kaj REU speciale?
4. Kiaj etapoj de evoluo de la movado antaŭvideblas ĝenerale kaj en Rusio speciale?
5. Kiaj labordirektoj devas esti prioritataj en tiuj etapoj?
6. Kiuj konkretaj aranĝoj (ekz., UK en Rusio) povas esti utilaj kaj kiuj – malutilaj vidpunkte de la ĝenerala strategia plano? Kial?
7. Kia ideologio de la movado estas plej celkonscia konsiderante ĝeneralan strategian celon de la movado?

Mi petas vin reagi en la diskutlisto <reu-agado>; se vi ne havas aliron al Interreto, skribu leterojn kaj sendu al la adreso de REU. Ne nepre penu respondi ĉiujn demandojn, sed diru pri tio, kio pli proksimas al viaj imagoj. Estu konkretaj kaj realismaj!

Por la komenco mi petas esprimi viajn opiniojn en la reto kaj surpapere en formo de respondoj al konkretaj demandoj. Se iu grava demando estas forgesita, formulu ĝin kaj respondu aparte.

Certe, al la diskuto mi invitas ne nur membrojn de REU, sed ankaŭ REJM-anojn kaj ĉiujn esperantistojn, kiuj pro iuj kaŭzoj ne volas esti membroj de nialandaj asocioj, sed tutegale estas parto de la landa movado. Sed denove mi petas: estu konstruivaj kaj realismaj, kaj evitu personajn atakojn!

***Nikolao Gudskov, la Prezidanto de REU***



*kaj tio estis antaŭe: (de maldekstre) Isaev, Zubkov, Samodaj*

## SEMINARIO PRI LA KLUBA LABORO

La klubo estas la ĉelo de la movado. Eble nun la relativa signifo de la kluboj iom malplias, ĉar por oftaj vivaj kontaktoj kaj diskutoj kun samlingvanoj aperis alternativo – Interreto, tamen ĝi estas nur iom pli perfekta rimedo ol telefono kaj poŝto, kaj kanti komunajn kantojn per Interreto estas ne multe pli bona afero ol fari tion “per leter’”. Do, signifon de la kluboj por konstanta vivigado de la lingvo kaj aktivigo de esperantistoj ne eblas supertaksi. Sed la kluba laboro ofte prosperas ne tiom, kiom ni volus. Necesas interŝanĝi la sperton, instrui komencantajn (sed ankaŭ la spertajn) klubgvidantojn, ellabori metodikajn rekomendojn.

Por tio REU-Estraro lanĉas serion de aktivulaj seminarioj, la unua el kiuj okazos la 9-11-an de majo apud Moskvo. Gvidontoj de la seminario estas Nikolao Gudskov kaj Irina Gonĉarova. Estas invitataj aktualaj klubgvidantoj kaj gvidantoj de progresigaj kursoj, surbaze de kiuj povas aperi novaj kluboj. Estas bonvenaj ĉiuj raportoj kaj prelegoj pri diversaj flankoj de la kluba agado kaj progresigaj kursoj. Se la kontribuoj estos sufiĉe valoraj, surbaze de la kolektiva laboro dum la seminario aperos koncernaj metodikaj rekomendoj.

Partoprenkotizo, inkluzive ĉiujn manĝojn, – 150 rubloj. Pri la aliĝo informu ne pli malfrue ol 01.04.2003 al N.Gudskov laŭ la adreso: a/ja 57, Moskvo, 105318; aŭ telefone (095) 3694220; aŭ rete: <nikolao@yandex.ru>.

## STRATEGIA KAJ TERMINOLOGIA FORUMOJ

***en la UK en Gotenburgo***

Sen praktika apliko Esperanto ne ekzistus. Sen scienca agado per kaj por nia lingvo en la diversaj kampoj, Esperanto apenaŭ havos estontecon. En la lingvo-komunumo ŝajne ekzistas certaj hezitoj pri sistema scienca agado kaj iuj duboj pri ĝia neceso. Do, necesas ŝanĝi tion.

Esence temas pri du aspektoj:

a) Por pli bone solvi multajn problemojn, gravajn por la praktika apliko, necesas pli bona scienca agado en la lingvo-komunumo mem (interna aspekto).

b) En medioj ekster la Esperanta lingvo-komunumo regas mitoj, misinformoj, distordoj kaj informvakuoj pri nia lingvo, inter ili aparte en opini- kaj decid-influaj medioj de sciencistoj. Ankaŭ tie necesas scienca kunlaboro kaj informado (ekstera aspekto).

La serio de strategiaj forumoj kadre de la Universalaj Kongresoj estas kreita por komune debati kaj solvi fundamentajn problemojn de la agado per kaj por Esperanto en la ŝanĝiĝanta mondo. La ĉi-jara Strategia Forumo havos la kadran temon “Kiel la scienco helpu al ni – kiel ni helpu al la scienco?”. La celo de la Forumo estas doni al interesatoj la eblon prezenti, kian rolon ludas scienco en kaj ekster fakaj asocioj kaj en aliaj Esperantaj medioj.

> UNo entreprenis tutmondan enketadon, dum kiu al reprezentantoj de diversaj regionoj oni proponis la demandon: “Bonvolu esprimi opinion pri manko de nutraĵo en aliaj landoj”. La enketado fiaskis, ĉar en Afriko neniu scias, kion signifas “nutraĵo”, en Okcidenta Eŭropo neniu scias, kion signifas “manko”, en Orienta Eŭropo neniu scias, kion signifas “esprimi opinion”, en Suda Ameriko neniu scias, kion signifas “bonvolu”, kaj fine en Usono neniu komprenas, kion signifas “aliaj landoj”.

La Forumo do celu:

– prezenti spertojn, problemojn kaj defiojn pri la kontakto kun neesperantistaj sciencaj medioj;

– informi, ĝis kiu grado Esperanto rolas kiel praktika ligilo inter sciencistoj (por komuna esplorado, por interŝanĝo de informoj ktp.);

– debati pri la rolo de sciencaj aŭ sciencproksimaj institucioj en Esperantujo;

kaj per tio ebligi spertinterŝanĝon, kiu pli forte konsciigu la aŭskultantojn pri bazaj problemoj de la sciencpolitika strategio de la Esperanto-komunumo kaj per tio i.a. esplori, kiel

UEA kaj aliaj Esperantaj organizaĵoj povus kontribui por pligrandigi la rolon de la scienco.

En Gotenburgo okazos ankaŭ Terminologia Forumo. Ĉiam denove oni legas pri novaj fakvortaroj aŭ pri ĉi-rilataj projektoj. Laŭ kiuj principoj ili estiĝis? Kiujn malfacilaĵojn oni devis venki? Kiuj solvendaj problemoj restis malfermaj?

Malgraŭ kelkaj esperigaj provoj, tamen pro manko de kompetentaj kaj laborpretaj homoj UEA bedaŭrinde ankoraŭ ne sukcesis reaktivigi la Terminologian Esperanto-Centron (TEC), kiu ja povus helpi ĉe la solvo de diversaj demandoj, aparte kiel kunordiga, kleriga kaj informa centro pri terminologiaj aktivaĵoj. La temo pri terminologia agado do daŭre restas grava kaj aktuala.

Pro tio, sekvante la deziron de la Komitato de UEA, kadre de la UK okazos denove Terminologia Forumo sub la kadra temo "Novaj fakvortaroj, novaj projektoj – spertoj, problemoj, defioj". La celo de la Forumo estas doni al interesatoj la eblon: prezenti siajn laste eldonitajn fakvortarojn, informi pri fakvortaraj projektoj prilaborataj aŭ antaŭvidataj, esprimi sian opinion pri PIV2 laŭ terminologi-rilata enhavo, debati pri principaj terminologiaj problemoj kaj per tio ebligi spertinterŝanĝon, kiu pli forte konsciigu la aŭskultantojn pri bazaj problemoj de la terminologia laboro. Ĉe tio la prelegantoj antaŭ ĉio informu pri la principoj de la elekto de nocioj kaj farado de terminoj, pri redakto-principoj, malfacilaĵoj kaj aliaj problemoj.

Ambaŭ forumojn gvidos d-ro Detlev Blanke, al kiu oni sendu anoncojn pri kontribu-deziroj. La kontribuoj estu koncizaj kaj ne superu 15 minutojn. La adreso: Otto-Nagels-Str. 110, DE-12683 Berlin; rete <dblanke.gil@snafu.de>; tel. (49-30) 5412633; fakso (49-30) 5456742.

***Renato Corsetti, prezidanto de UEA***

## NOVA FONDAĴO ĈE UEA: EDUKADO

La Estraro de UEA voĉdonis por starigi novan fondaĵon, kies nomo klarigas ties funkcion: EDUKADO. Ĝi estas fondaĵo por kolekti financan subtenon por la kampo de Edukado/Instruado. Ĝis nun la instruado de Esperanto (unu el la prioritatoj de la nun valida laborplano) estis subtenata esence de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, ILEI, per ties negranda buĝeto kaj per la helpo, kiun UEA donis ĉiujare al ILEI el sia propra buĝeto.

Nun individuaj esperantistoj, kiuj opinias, ke gravas instruado de Esperanto kaj pli ĝenerale edukado pri Esperanto, havas plian eblon direkti sian helpon al la ĝusta loko.

Kiel pri aliaj fondaĵoj oni deziras, ke la donacoj eniru la Kapitalon Edukado. En tiu kazo nur la rento estos uzata por elspezoj, dum la kapitalo restos por doni renton ankaŭ en postaj jaroj. Nun, kiam ILEI provas lanĉi la duan periodon de la internacia instrua projekto INTERKULTURO, estas evidente, ke helpo (almenaŭ en la formo de lernolibroj por lernantoj en landoj kun malalta ekonomia nivelo) estas ege necesa.

Oni povas donaci per la kutimaj kontoj de UEA kun la indiko "por Fondaĵo Edukado" aŭ "por Kapitalo Edukado".

***Renato Corsetti, prezidanto de UEA***
***Mauro La Torre, prezidanto de ILEI***

Koresponda servo de Japana Esperanto-Instituto peras korespondadon inter japanaj kaj eksterlandaj dezirantoj. Se vi interesiĝas pri korespondo kun japanoj, bonvolu turni vin al: *Koresponda servo de Japana Esperanto-Instituto, Sinzyuku-ku wasedamati 12-3, Tokio, 162-0042 Japanio.* Skribante la korespondpeton, bonvolu indiki viajn aĝon, sekson, profesion, interesojn kaj preferojn. Estas rifuzataj monhelpa peto kaj propono je komerco. Aldono de 2 internaciaj respond-kuponoj estas bonvena.

## ENKETADO PRI LA DELEGITA RETO

Fine de decembro 2002 al entute 871 rete atingeblaj delegitoj el 75 landoj, kies nomoj estis publikigitaj en Jarlibro 2001, estis dissendita enketilo kun la peto respondi, ĉu iu petis ilin pri la servoj en la periodo inter publikigoj de Jarlibro 2001 kaj 2002 (mezo de somero 2001 kaj septembro 2002).

Malgraŭ jarŝanĝaj festoj la delegitoj aktive reeĥis kaj sume ĝis la 21-a de januaro 2003 al la enketo respondis 455 delegitoj el 65 landoj. Montriĝis, ke efektive estis petitaj servoj de 244 delegitoj (54%), dum 32 delegitoj (7%) ne certas, ĉu la ricevitaj petoj rilatas al ilia delegiteco aŭ venis pro aliaj kialoj. 179 delegitoj (39%) dum la menciita periodo ne ricevis petojn por iliaj delegitaj servoj.

La delegitoj, menciintaj ciferojn, ricevis kaj plenumis 418 informpetojn pri siaj lando aŭ urbo, 653-foje peris informojn pri lokaj e-istoj kaj E-grupoj, 488-foje estis kontaktitaj fakcele, kio sume signifas 1559 servojn. Krom tio, kutime ekster siaj delegitaj devoj, ili ricevis 256-foje petojn pri gastigado, 495-foje – korespondpetojn, minimume 342-foje alispecajn petojn (de simple neordinaraj ĝis monpetadoj).

En la retejo <http://uea.org/esperanto_p/servoj/dr-enketo2001-2002.html> (aŭ iam baldaŭ – en la revuo "Esperanto") vi povas legi pli detale pri la rezultoj.

***laŭ Gazetaraj komunikoj de UEA***

## BIBLIOTEKO HECTOR HODLER: ESPLOROJ POR LA ESTONTECO

UEA ricevis de nemovada fondaĵo subvencion de 20 mil eŭroj por okazigi laborojn pri reordigo kaj esplorado de la stato de la Biblioteko Hector Hodler. La Biblioteko Hector Hodler estas unu el la plej grandaj Esperanto-bibliotekoj, kun proksimume 20000 libroj, cetere kun periodaĵoj, manuskriptoj, fotoj, sondiskoj kaj aliaj kolektaĵoj. Ĝi okupas en la Centra Oficejo tri ĉambrojn, nome Kanado, Aŭstralio kaj Simon Saft.

Sekve de la esploroj devus aperi konkretaj rekomendoj pri la plej efikaj vojoj konservi kaj utiligi por la publiko la librajn trezorojn de la Biblioteko. Tiuj rekomendoj estos prezentataj al la fondaĵo, surbaze de kio ĝi povos decidi pri disponeblo de signife pli granda sumo por konservado de la biblioteko.

Kadre de la projekto la 1-an de februaro en la CO eklaboris provizora oficisto – Ziko Marcus Sikosek (Germanio), konata kiel la aŭtoro de unu el la plej diskutataj primovadaj libroj de la lastaj jaroj – "Esperanto sen mitoj". Ziko estas magistro pri historio, staĝinta en kelkaj arkivoj kaj bibliotekoj en Germanio. Pli pri la Biblioteko Hector Hodler kaj Ziko Marcus Sikosek vi povas legi en la retejo de UEA, parto "Servoj" – "Biblioteko".

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## NOVAJ REU-ALIĜOJ POR 2003

### ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ

**Moskva E-klubo "MASI-FaRo"** (12 aligitaj membroj, 4 individuaj membroj): *Basov Gennadij, Bebenina Jekaterina, Bolŝakov Roman, Budinovskaja Jelena, Ĉerniŝova Oljga, Dadaev Oleg, Gonĉarova Irina, Gonĉarova Svetlana, Jolkin Vladimir, Legornev Aleksej, Marutenkov Pavel, Ruvinskaja Polina, Sidorova Valentina, Soboleva Olesja, Vinokurov Aleksej, Zatulov Sergej*

**Sankt-Peterburga E-societo "Espero** (3 membroj): la listo dume mankas

**Tiĥvina E-klubo** (12 aligitaj membroj, 4 individuaj membroj): *Baraŝkov Vasilij, Belov Aleksandr, Belova Tatjana, Bronŝtejn Mikaelo, Ivanova Natalja, Ĵuravljova Jelena, Kaĉalova Zoja, Kandalinskaja Vera, Kandalinskij Viktor, Koroteckij Aleksandr, Krolus*

*Tamara, Rajskaja Natalja, Rajskij Vjaĉeslav, Smirnova Svetlana, Ŝumskaja Tatjana, Vlasova Vera*

**Vladivostoka E-klubo "Pacifiko"** (15 membroj): la listo dume mankas

**INDIVIDUAJ MEMBROJ**

Laŭ la adreso <http://www.aemo.nm.ru/> eblas trovi tre interesan ttt-ejon de AEM (Apudbajkala Esperanto-Movado).

*Alikin Viktor (Permj), Basov Gennadij (Moskvo), Batirev Nikolaj (Udmurtio), Belenjuk Galina (Soĉi), Bespalov Vladimir (Soĉi), Birjukova Larisa (Moskvo), Bulava Kalerija (Jaroslavlj), Burgar Lilija (Rostova reg.), Ĉernov Vladimir (Kaluga), Ĉistjakova Ĵanna (Rostova reg.), Ĉupin Bronislav (Iĵevsk), Dadaev Oleg (Moskvo), Daŝevskij Leonid (Toljatti), Davidov Jurij (Moskvo), Delcov Jevgenij (Irkutsk), Edelŝtejn Vladimir (Moskvo), Gajvoronskaja Valentina (Rostova reg.), Galiĉskij Igor (Severodvinsk), Garibjan Sergej (Soĉi), Gluŝko Oleg (Ulan-Ude), Gogulina Nadeĵda (Ribinsk), Gonĉarov Anatolij (Sankt-Peterburgo), Ilutoviĉ Klara (Moskva reg.), Jaĥina Alla (Krasnojarsk), Jaroŝenko Jelena (Rostova reg.), Juĉajk Vladimir (Tvera reg.), Jusupova Marina (Dimitrovgrad), Ĵilejkin Sergej (Moskvo), Kabanceva Alevtina (Moskvo), Kandalinskij Viktor (Tiĥvin), Kiseljova Oljga (Jaroslavlj), Kitajkin Ivan (Surgut), Kondratjev Boris (Sankt-Peterburgo), Konjaŝova Svetlana (Ĥabarovska reg.), Kostjuk Anatolij (Saĥa-Jakutija), Kostjuk Tamara (Moskvo), Kovalenko Tamara (Soĉi), Kroter Stanislav (Tomsk), Kudrjavcev Viktor (Jekaterinburg), Kuleŝova Nadeĵda (Sankt-Peterburgo), Kuljkov Jevgenij (Vladimir), Liskov Andrej (Moskvo), Lobanov Ivan (Tula reg.), Loskutova Tatjana (Ivanovo), Lukjanov Vladimir (Kurska reg.), Makarenko Valerij (Tverj), Melnikov Aleksandr (Rostov-na-Donu), Miljner Aleksandr (Moskvo), Morev Aleksandr (Sankt-Peterburgo), Motiljova Ljubovj (Moskvo), Neĉaev Nikolaj (Irkutsk), Odincov Aleksej (Permj), Opletajev Vladimir (Surgut), Osokin Aleksandr (Sankt-Peterburgo), Popova Larisa (Irkutsk), Privedjonnaja Julija (Moskva reg.), Prokopjev D.V. (Kurgana reg.), Reŝetnikov Vladimir (Jekaterinburg), Roĵdestvenskij Vjaĉeslav (Ĉeljabinsk), Samodaj Vladimir (Moskvo), Saviĉeva Anĵela (Novosibirsk), Skvorcova Natalja (Sankt-Peterburgo), Starostin Vladimir (Ĉeljabinska reg.), Stepanov Nikolaj (Moskvo), Strelec Sergej (Ĉeljabinsk), Sudakov Vladimir (Primorskij reg.), Ŝelkovova Taisija (Sverdlovska reg.), Terjoĥin Vladimir (Jekaterinburg), Turkov Gennadij (Ĥabarovsk), Vajnapelj Jurij (Irkutsk), Vasiljev Viktor (Vladimir), Zlotnikova Vera (Moskvo), Zueva Nina (Jelec)*

**FAMILIAJ MEMBROJ**

*Ejst Svetlana (Sankt-Peterburgo), Jafasova Rafija (Jekaterinburg)*

**REU-kotizoj por la jaro 2003:**

120 rub. (por eksterrusianoj – 15 eŭroj) – individua kotizo (inkluzivas la membrokarton, REGon kaj aliajn informojn, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

3000 rub. (por eksterrusianoj – 375 eŭroj) – dumviva kotizo (ĉio la sama dum la tuta vivo);

25 rub. – familia kotizo (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco);

120 rub. + 25 rub. por ĉiu membro – kolektiva kotizo (REGo kaj aliaj informoj de REU por la klubo, la membrokartoj kaj voĉdonrajtoj en REU-Konferenco por la klubanoj).

*La rublaj kotizoj sendendas al **G.Kokolija** (la adreso estas en la lasta kovrilpaĝo), la eŭra kotizo pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA.*

# REJM-info

*redaktas Sonjo Ŝejnina, Vitalij Malenko*

## LERNU ESPERANTON! FACILE KAJ RAPIDE!

Mi instruas Esperanton en la reto jam dum kvar jaroj. Mi mem lernis ĝin per la reta koresponda kurso, do mi sentis mian instruadon kiel mian ŝuldon al la homoj, dank' al kies volontula senpaga servo mi povis esperantistiĝi kaj mia vivo ŝanĝiĝis en tre mirinda maniero. Mi konstruis la unuan en mia vivo retpaĝon, sur kiun mi metis informojn pri miaj kursoj (ili estis diversnivelaj – de por-novulaj ĝis por-instruontaj) kaj registrilon, per kiu ĉiu deziranto lerni Esperanton povis tuj enskribiĝi al la kurso. La paĝo havis utilajn ligilojn al aliaj interesaj por lernantoj Esperanto-paĝaroj.



Mi estis tre fiera pri mia paĝo – dum la kvar jaroj de ĝia ekzisto la diversnivelajn kursojn partoprenis centoj da homoj, ĉirkaŭ cent estis diplomitaj pri paso de la unua elementa kurso kaj dekoj ekposedis la lingvon je sufiĉe alta nivelo kaj aliĝis al siaj lokaj/landaj kluboj/asocioj – do vere esperantistiĝis. Mi instruis al anglalingvanoj, kaj pro tio mi havis lernantojn el multaj partoj de l' mondo: el ambaŭ Amerikoj, el Eŭropo, el Azio…

Sed hodiaŭ mi fermis la paĝon. Mi forigis la tutan enhavon lasinte nur la solan ligilon. Mi ne plu gvidos miajn kursojn. Sed, kara leganto, ne rapidu bedaŭri! Ĉar fakte la kaŭzo estas tute ĝojiga. La ligilo lasita estas <www.lernu.net>, kaj la fermo de la retpaĝo ne signifas ke mi ne plu okupiĝos pri instruado de Esperanto en la Reto. Tute kontraŭe – nun mi estas tradukanto kaj lingvohelpanto por ruslingvanoj ĉe la ttt-ejo ***"lernu!"*** (feliĉe la lingvohelpantoj por anglalingvanoj jam multas).

Miaj kursoj estis korespondaj kaj iom, mi diru, eksmodaj (kaj enhave kaj didaktike), neniuj grafikaĵoj (des pli sonoj) estis uzataj, do la motivo lerni la lingvon devis esti tre forta ĉe la lernanto, ĉar neniuj specialaj stimuloj estis planitaj ene de la kursoj. Ĉio estas alia ĉe ***"lernu!"***. Pluraj ekzercoj pri vortlernado estas interagaj: la komputilo "mem" kontrolas la respondojn kaj tuj donas statistikon al la lernanto. Aliaj ekzercoj estas sendataj al lingvohelpanto por la koncerna lingvo, ankaŭ eblas sendi pliajn demandojn kaj komentojn pri la lecionoj, kaj peti detalajn klarigojn pri iu gramatikaĵo.

Ankaŭ ĉe ***"lernu!"*** kursoj celas diversnivelajn lernantojn: "Ana Pana" (verkita de Hokan Lundberg) estas por absolutaj novuloj, kiuj faras siajn unuajn paŝojn en la lingvo, "Jen nia IJK" (ankaŭ kreaĵo de Hokan) profundigas iliajn sciojn kaj donas imagon pri la plej granda esperantista junulara aranĝo, kaj "Gerda malaperis" estas klasikaĵo laŭ kiu lernis multegaj esperantistoj, kiuj deziris paroli ĝuste, flue kaj bele.

Multaj materialoj sur la ttt-ejo estas sonigitaj, tio signifas ke la lernanto povas kaj legi kaj aŭskulti la tekston, ke ŝi aŭ li povas aŭdi ĝustan prononcon de apartaj sonoj en la

fonetika sistemo de Esperanto aŭ de la tutaj vortoj. Alia bela uzo de sonoj estas la parto "Muziko", kie la lernanto povas konatiĝi kun famaj Esperanto-bandoj kaj aŭskulti iliajn kantojn (eĉ kunkantante – la tekstoj estas provizitaj). Kaj la pinto de multimedieco de la paĝaro estas la parto "Filmoj", kiu sendube plibonigos humoron de la lernanto.

Ĉiu lernanto povas sekvi kaj taksi sian progreson en Esperanto per speciala parto de la ttt-ejo "Gvidlinioj". Sur ĝi estas prezentita tabelo, kiu enhavas diversajn kursojn kaj ekzercojn de la paĝaro; post kiam la lernanto pasas kurson aŭ perfektiĝas pri ekzerco, tiu verdiĝas, do kiam la tuta tabelo iĝas verda, oni povas fanfaroni ke ŝi aŭ li scias Esperanton!

La projekton konstante ellaboras kaj plibonigas teamo de kvin gejunuloj el Kanado, Svedio kaj eksa Jugoslavio. Al ili helpas teamo de tradukantoj al naciaj lingvoj kaj jam menciitaj lingvohelpantoj. La ideo de la projekto naskiĝis kaj konkretiĝis ligite al "Esperanto@Interreto"-seminarioj. La projekto ricevis subtenon de la fondaĵo "Esperantic Studies Foundation" kaj la unua paŝo estis realigita de aŭgusto ĝis decembro 2002. Ĝin plenumis la laborgrupo "E@I", kies ĉefaj agadkampoj estas konstrui pri- kaj por-Esperantajn paĝarojn, aranĝi samnomajn seminariojn por junaj retemuloj kaj aktivuloj, kaj informi pri kiel Esperanto kaj Interreto komplementas unu la alian por ebligi *facilan kaj rapidan* komunikiĝon tutmondan. La unua paŝo en evoluo de la paĝaro estis finfarita la 21-an de decembro 2002, kaj jam estas antaŭvidataj pluaj evolupaŝoj!

La ttt-ejo estas plurlingva: jam nun, kiam mi tajpas ĉi tiujn liniojn, la elekteblaj estas la angla, Esperanta, finna, franca, germana, hispana, pola, portugala, rusa, serba, sveda kaj turka lingvoj; pluraj aliaj estas tradukataj kaj espereble estos pretaj baldaŭ.

Mi alvokas ĉiujn plej vaste reklamadi la novan projekton en viaj naciaj amaskomunikiloj (nepre indiku ke la paĝaro estas alirebla en via nacia lingvo, se estas tiel; kaj se ne – ektradukadu ĝin!). Kaj, se vi instruas Esperanton al novuloj, vi povas rekomendi al ili la ttt-ejon kiel superban ilon por progresi lingve. Cetere, mi faris ĝuste tion ĉe mia elementa dekleciona kurso de Esperanto. Vi ankaŭ povas uzi ĝiajn materialojn kiel helpilojn aŭ aldonaĵojn por via ĉeesta kurso, kaj mem ne "inventi biciklon".

Miaopinie, ***"lernu!"*** estas la plej brila el la ĝishodiaŭaj projektoj de "E@I", kaj ni senpacience atendos pluajn rezultojn de la fruktodona kunlaboro de la anoj de ĉi tiu komputilema kaj retema internacia grupo de gejunuloj. (Ĥmm, videblas iu prismo sur la horizonto…)

***Oleg Izjumenko (Moskvo)***

## VIRTUALA LERNEJO PRI INSTRUADO

Ĉu ĉiuj provis INSTRUI ESPERANTON?

Minimume tio estas INTERESA!

Mezume tio estas UTILA!

Maksimume tio estas GRAVA por la MOVADO!

Dum oni instruas oni mem multe lernas pri la lingvo, kulturo – PROVU!



*Saŝa Blinov nevirtuale instruas dum OkSEJT-42*

Ekzistas Virtuala Lernejo de REJM, kie eblas lerni, kiel instrui Esperanton. Tiu lernejo estas reta diskutgrupo ĉe Yahoo. Ĝiaj membroj eksciadas pri metodiko de instruado kaj interŝanĝas ideojn pri la

instruaj trukoj. Gvidanto de la Virtuala Lernejo estas sperta E-instruisto Aleksandr Blinov.

Do, se vi volas lanĉi en via urbo E-kursojn, aŭ jam instruas kaj volas perfektigi propran instruadon, bonvenon al Virtuala Lernejo de REJM!

Por aliĝi al la diskutgrupo kontaktu Aleksandr Blinov <al_blinov@fromru.com>.

## BERLINO: KION MI EKSPEKTIS KAJ KION EKVIDIS !

Ne estas sekreto, ke ĉiu nacio havas siajn, nur por ĝi specifajn trajtojn kaj tradiciojn, pri kiuj oni povas aŭ fieri, aŭ fanfaroni, aŭ honti – tamen ili ekzistas kaj estas kutime konataj mondvaste. Alivorte, ĉe peto priskribi ekzemple tipan ruson, oni diras – nu, granda, forta, iom brutala, sed tre kuraĝa. Eble iu alia diros ion alian (rememorinte pri la fama vodko), tamen tutegale – la nacio estas rekonebla.

Kiam mi estis unuafoje venonta en Berlinon, mi ankaŭ formis mian opinion pri la germanoj kiel pri homoj tre akurataj, sed ankaŭ malmildaj, laboremaj, sed ankaŭ formalaj, sportemaj kaj severaj. Oni multfoje diradis al mi: "Ili ĉiuj estas formalaj: tre ĝentilaj rilate laboron kaj tre rigoraj rilate viajn personajn problemojn". Certe, tiuj asertoj ŝajnas naivaj, sed tiel opiniis homoj, kiuj neniam estis en Germanio. Kaj ili estas naivaj, kaj mi estis naiva...

Krome, tiam estis la tempo, kiam mi persone multe senreviĝis pri E-o. Jes, mi sciis la lingvon pli-malpli por esprimi min, komunikiĝi kun homoj, sed ne vidis kie kaj kiel la lingvo povas vere min helpi.

Mi alvenis al Berlino studcele, kaj studis sufiĉe multe, kio malebligis iujn distraĵojn kaj amuzaĵojn. Kaj post iom da tempo aperis ĉe mi granda bezono pri komunikiĝo, ĉar laboreje ni plejparte pridiskutatis nur la laboron, sed ne ion alian. Ĝuste tiutempe, feliĉe, mi hazarde en la reto ekvidis la ligon al <www.esperanto.de>, kaj, klakinte, komencis legi. Post duonhoro mi trovis, ke estas regula renkontiĝo, tiel nomata "Ĵaŭda Rondo", kaj post tridek kvin minutoj mi jam estis skribinta la leteron al Ĵaudo-Rondanoj, demandante ĉu ankaŭ aliuloj rajtas veni. Jen ekde tiu momento komenciĝis la periodo de mia estado en Berlino, kiun mi neniam povos forgesi.

Oni min veturigis al inaŭguro de Esperanto-domo, ekskursigis tra Potsdam, kunprenis min 200 kilometrojn for de Berlino al la malfermo de vica Esperanto-domo. Vere, la vivo fariĝis tiom bunta kaj galope progresanta, kvazaŭ karuselo. Antaŭ miaj okuloj staras la Somerfesto en Miĥendorf, la mateno en malgranda vilaĝo apud Braunŝvajg, kiam min vekis kokaj krioj, kaj kiam ni promenadis inter lagoj, multaj floroj, kiujn mi sukcesis vidi en florparko de Potsdamo. Aparte staras la rememoroj pri "Vino Esperanto", pri la tutnokta vojaĝo per aŭto, kun ĉirkaŭflugantaj vespertoj, pri starigo de la tendo laŭ instrukcio. Ĉiuj ĉi emocioj kaj travivaĵoj ne estas vortumeblaj, kaj peno skribi ion pri ili estus nur verŝo de inko, malŝparo de presfarbo kaj via tempo...

Kiam mi forveturis, mi kunportis kun mi multajn fotojn, mapon de Kroatio en Esperanto, bonegan libron "Homoj tiaj kaj aliaj" kaj grandan impreson en mia animo, ke ĉi tie, en Berlino, loĝas homoj tre akurataj kaj mildaj, laboremaj kaj amikemaj, ĝentilaj kaj helpemaj – ĉi tie loĝas multaj Esperantistoj, Homaranoj. Kaj mi sciis, ke mi nepre ĉi tien revenos, kaj mi revenis...

***Aleksandro Galkin (Kazanj)***

## "PROMESPAGU" VIAN KOTIZON

Por iom simpligi la vivon de REJM-anoj kaj samtempe por fari membrecon pli komprenebla afero, la Konferenco en aŭgusto 2002 decidis, ke la aliĝperiodo estu de januaro ĝis la sekva januaro. Tio estas oportuna pro kelkaj kialoj, inter kiuj estas la abono de REGo.

Kompreneble, ne ĉiam troviĝas vintre tempo kaj emo pagi aliĝkotizon kaj zorgi pri "someraj" aferoj, kia ja por multaj estas Esperanto. Ĝuste pro tio Komitato de REJM inventis plifaciligan manieron aliĝi al REJM, kiu formale nomiĝas "Promespago". Kio estas promespago?

Kiel vi eble scias, por aliĝi al REJM vi devas sendi viajn plenan nomon kaj adreson al Lena Maslova (laŭeble kun kopio al Vitalik) plus transdoni monon al via loka peranto aŭ al Danil Kapitonov. Ekde nun vi povas aliĝi nur sendante viajn datumojn, sen pagi monon – nur *promesante* pagi ĝin. Ĝuste tio nomiĝas "promespago".

Aliĝante al REJM promespage vi rajtas partopreni en la reta grupo <nur-rejm>, via nomo (kun eventuala foto) aperas en la membrolisto (interalie, ankaŭ en nia Interret-paĝaro), vi ĝuas la etoson ktp. Tamen promespago NE donas al vi REGo-abonon, rabatojn dum la aranĝoj kaj voĉdonrajton dum la Konferenco. Tio signifas, ke vi restas nominala REJM-ano, sed se vi volas ĝui REJM-avantaĝojn, vi pagu. Ekzemple tuj antaŭ REJM-Konferenco aŭ tuj antaŭ EoLA – kiam estas por vi plej facile.



REJMiĝu kaj malkrokodiliĝu!

La "promespagintaj" membroj de REJM restas en membrolisto ĝis la unua tago de OkSEJT (ĉi-jare – la 4-a de aŭgusto). Do, ĝis la kvara de aŭgusto vi devas pagi vian promeson – tiam vi ricevos la tutan jarkolekton de REGo, viajn rabatojn kaj vian voĉdonrajton. Tamen nun vi devas iel ajn esprimi vian deziron esti REJM-ano – telefonu, retmesaĝu, sendu telegramon aŭ leteron...

***Via Komitato***

## REJM-ALIĜINTOJ POR 2003

*Burmisova Jekaterina (Ĉeboksari), Butorina Jelena (Tjumenj), Dadaev Oleg (Moskvo), Deljcov Jevgenij (Irkutsk), Ignatjeva Jekaterina (Ĉeboksari), Ivannikova Oljga (Ĉeboksari), Ivanov Vjaĉeslav (Sankt-Peterburgo), Ĵukolina Marija (Ivanovo), Ĵuravljova (Ŝlikanova) Jevgenija (Ĉeboksari), Kadar Aleks (Francio), Kapitonov Danil (Ĉeboksari), Koltunov Valerij (Sankt-Peterburgo), Kostina Jelena (Niĵnij Novgorod), Kozlov Aleksej (Niĵnij Novgorod), Kuznecov Aleksej (Kostroma), Lisina Anna (Sankt-Peterburgo), Malenko Vitalij (Moskva reg.), Masljonkina Natalja (Ivanovo), Maslova Jelena (Uljanovsk), Safonov Igorj (Belorusio), Sakajeva Diana (Niĵnij Novgorod), Saveljeva Jekaterina (Moskva reg.), Sudakova Aleksandra (Dimitrovgrad), Ŝejnina Sofja (Ivanovo), Tolokonnikov Stanislav (Ivanovo), Tureckij Sergej (Novoĉeboksarsk), Vasilejko Polina (Niĵnij Novgorod), Viĥrov Konstantin (Ĉeboksari).*

**Patronoj de REJM:** *Hekland Baard (Norvegio), Kokolija Georgij (Moskvo).*

# Eksciu, ke...

## INTERNACIA FORUMO KUN E-SEKCIO – EN VLADIVOSTOK

La 23-26-an de septembro 2003 surbaze de la For-Orienta Ŝtata Teknika Universitato okazos la 5-a Internacia Forumo de Junaj sciencistoj kaj studentoj, enkadre de kiu funkcios la sekcio "Esperantologio kaj Interlingvistiko". La raportoj estos presitaj angle kaj Esperante. Ni atendas viajn proponojn. Retadreso <oriento@mail.ru>.

***Aleksandr Titajev (Vladivostok)***

## INFANAJ DESEGNOJ POR GRANDA EKSPOZICIO

En 2004 la Esperanto-Centro de Angers (Francio) festos la centan datrevenon de la apero de E-grupo en la urbo. Je tiu okazo oni antaŭvidas diversajn manifestaciojn kaj, interalie, internacian ekspozicion de infanaj desegnoj sub oficiala patronado pri la ĝenerala temo "daŭra disvolviĝo" (protektado de la naturo, arbaroj, bestoj, lukto kontraŭ la polucio, lernejoj por ĉiuj infanoj, suna energio, pli sana agrikulturo, agado por havigo de pura akvo, protektado de la sano ktp.).

La plej belaj desegnoj estos premiitaj, kaj por la lernejaj kolektivaj sendoj oni povas antaŭvidi interŝanĝojn de desegnoj kun francaj lernantoj. Estas tri kategorioj por la partoprenantoj: ĝis la 7-jara aĝo, de la 7- ĝis la 10-jara aĝo, de la 10- ĝis la 14-jara aĝo.

La desegnojn bonvolu sendi al: Esperanto-Centro, s-ro Frangeul, 6, rue du Buis, 49000 Angers, Francio.

## NI SEMU SUR SPORTAJ KAMPOJ

La artikolo de la vaste konata esperantisto el Uzbekio E.S.Perevertajlo pri popularigo de Esperanto pere de ĝia aplikado al sfero de sporto (REGo № 5(12), 2002) meritas laŭ mi atenton kaj reeĥon. En privata letero mi laŭdis lian iniciaton fari breĉon sur sporta kampo en flegma evoluo de rusia kaj monda E-movado. E.S. rimarkigis responde, ke mi estas la unua, kiu reeĥas lian artikolon, kaj konsilis al mi fari tion publike sur paĝoj de REGo. Mi ne estas fama sportisto, ĉar startis nur enkadre de nia fororienta regiono, sed se mi estus tiu, mi volonte portus lian alparolon al ĉiuj sportistoj. Iam mi vidis Olimpikojn en Moskvo, renkontiĝis kun eksterlandaj vizitantoj kaj bone imagas kiom malfacila estas komunikiĝo de diverslandaj sportistoj sen universala internacia lingvo.

Kompreneble oni ne devas altrudi E-on al sportistoj kiel objekton de nepra lernado, sed multaj el ili laŭeble kaj laŭbezone tiel aŭ alie lernas la anglan, ne sufiĉe taksante avantaĝojn de E-o aŭ ĝenerale ne sciante pri ĝi. Pro tio oni devas aktivigi inter ili celkondukan propagandon de la interlingvo. Tiuj propagandistoj, skribas E.S., ne nepre estu sportistoj aŭ fanatikuloj de sporto, sed ili volu helpi al sportistoj kaj al… E-o. "Ni trovu la argumentojn montrantajn al la sportistoj, al la sportistaj estroj neceson de internacia sporta lingvo. Necesas diri pri la relativa facileco de E-o, ankaŭ pri aliaj bonaj ecoj de la lingvo; necesas diri, ke sportistoj evidente ne havas tempon studi la tradiciajn "grandajn" lingvojn; ke certaj E-organizaĵoj jam traktas vojojn kaj metodojn de uzado kaj instruado de E-o kun sportaj komitatoj, kluboj en certaj landoj; ke la E-organizaĵo estas preta komenci lecioni tuj post subskribo de kontrakto inter la sporta kaj E-a organizaĵoj; ke esperantistoj pretas helpi en internacia korespondado de la sportistoj mem kaj de la sportaj organizaĵoj. Ne necesas elstarigi la aferon de pripago de la laboro de esperantistoj ĝis ilia stabiliĝo en la sporta sfero".

La Milana Esperanta Grupo ekde la komenco de la nuna jaro 2003 translokiĝis al nova propra sidejo, kies adreso estas Circolo Esperantista Milanese, Via De Predis 9, IT-20155 Milano, Italio. Por la vizitontoj: ĉar ĝi estas iama butiko, oni eniras rekte de la strato post la stratangulo de Via Bramantino. La kunvenoj ĉiam okazos je la 21:15 vendrede, krom festotagoj aŭ aŭgusto. Estas ĉiam validaj la adresoj de retpoŝto kaj Interreto, aperantaj en la milana bulteno: <www.infinito.it/utenti/esperantomi/> kaj <esperantomi@infinito.it>. ***(Ret-Info)***

Do, mi estas plenakorda kun E.S. pri neceso pli multe kaj ofte el diversaj flankoj paroli kun sportistoj kaj esperantistoj mem pri lernado kaj praktika uzado de E-o. "Eble tiam – citas mi – ni eksplodigos la bazaĵon, sekiĝos la marĉo kaj la akvo fluos al la oceano".

Miaflanke mi proponus aldoni al sportistoj ankaŭ multnombrajn turistojn kaj aliajn vojaĝantojn. Estus tre utile por E-o fondi, ĉe REU aŭ aparte, iun turisman E-firmaon por rusiaj kaj alilandaj esperantistoj, kiuj, ekzemple kiel mi mem, interesiĝas pri ekster- kaj enlanda turismo. Ĉi tien eblus enigi veturojn al UK-oj kaj aliaj gravaj E-aranĝoj inkluzive E-semajnojn en la dana Martinus-Centro. Ĝenerale estus bone prilumi en REGo kaj "Komencanto" (konsiderante elekton de ĝia redaktoro en la Estraron de REU) la utilan agadon de la dana Martinus-Instituto por popularigo de sia oficiala internacia lingvo Esperanto pere de la revuo "Kosmos" kaj sia instrua Centro en Klint. Tio estas grava ankaŭ pro tio, ke la kosmologio de Martinus, fama dana verkisto kaj filozofo, motivite pretendas kiel spirita scienco je la rolo de la "interna ideo" de E-o, ne definitive efektiviĝinta dum la vivo de Zamenhof.

***Vladimir Sudakov (Primorskij reg.)***

## SERĈATAS CENTJARIĜA SIMBOLO POR JAPANIO

La japana E-movado fariĝos 100-jara en 2006, kaj ni planas jubileajn agadojn; por tio ni tramonde varbas simbolan grafikaĵon. La grafikaĵo devas esti nigra-blanka en grando de 10cm × 10cm, uzebla en malpligrandigita formato. Limdato de alsendo estas la 12-a de aprilo 2003, publikigo okazos en majo. Oni aljuĝos la premion 10000 enoj (ĉ. 80 eŭroj). Sendu la kontribuojn al: Huzimaki Ken'iti, Oka Issiki 501, Numazu-si, JP-410-0012 Japanio; rete <esperanto@thn.ne.jp>. Pri la aranĝo respondecas Japana Esperanto-Instituto (JEI)

***(ret-info)***

## ETo EN STASZÓW

Esperanto-Klubo de Staszów kore invitas vin partopreni en la 14-aj Esperantaj Tagoj, kiuj okazos en Staszów (Pollando) 22-25.05.2003 (ĵaŭdo – dimanĉo).

Antaŭvidata programo: foto-ekspozicio, prelegoj, muzikaj koncertoj, arta vespero, ekskurso, vespera fajrujo kun muziko de popola ensemblo, forumo. Dum la aranĝo funkcios stando kun E-eldonaĵoj, en kiu ankaŭ vi povos vendi aŭ aĉeti esperantaĵojn.

Se vi volas kontribui al la programo – sendu proponojn.

Aligkotizo (nerepagota) – 10 eŭroj (ekskurso, brulŝtiparo, transporto al aranĝejo ktp.); loĝado kaj manĝado – laŭ aktualaj prezoj de ripozejo. Eblos aĉeti nur tranoktadon aŭ aliĝon. Ni antaŭvidas 5 eŭrojn por unu tranoktado kaj 7 eŭrojn por unutaga manĝado. La aliĝintoj ricevos precizan programon kun necesaj informoj. Eksterlandanoj pagos surloke, post la alveno. Telefonnumeroj de la organizanto (48-15) 8641367, (48) 602134071 – Andrzej Sochacki; rete <asochacki@poczta.fm>. Limdato por la aliĝo – 25-a de aprilo 2003.

# la verda KoRo

kultura revuo

## ĈU VI NE JAM VOJAĜIS AL ESPERANTO-LANDO?!

Legantoj de REGo jam sendube aŭdis pri la apero de la dua eldono de **"Vojaĝo en Esperanto-lando"** de tre fama en nia lando akademiano[1] Boris Kolker. Ni estas inter tiuj feliĉuloj, kiuj ne nur aŭdis pri la libro, sed ankaŭ povis ĝin atente trafoliumi kaj tralegi. Tio kaj interkonsento kun la aŭtoro kvazaŭ rajtigas nin verki recenzon por rusia esperantista publiko.




Por ne turmenti la leganton, ni tuj esprimu nian ĝeneralan impreson pri la libro: estas tre kvalita kaj bona eldono. Kiel estis skribite en unu recenzo, "sola manko estas tio, ke ĝi estas tro bona". Ĝi sendube donas tre kvalitan bazon por progresantaj lernantoj de Lingvo Internacia. La libro havindas por ĉiuj, sed precipe – por hieraŭaj komencantoj, kiuj volus pliprofundigi siajn sciojn, kaj por gvidantoj de kluboj aŭ kursoj.

Dirinte la plejgravon, ni transiru al detaloj.

Bedaŭrinde, la libro ne estas bindita tiel, kiel ĝi meritas. La kovrilo estas mola, kvankam sufiĉe fortika por longe servi. Sur la kovrilo estas foto de buso kaj dekkelk esperantistoj (kredeble fotita dum la Zagreba UK). Ene de la libro vi trovos kvalite kompostitan kaj presitan tekston sur densa brilpapero. Tuj kaptas atenton abundo de interesaj ilustraĵoj. Kiel rimarkis Trevor Steele, la nuna Ĝenerala Direktoro de UEA, la libro estas "... certe la plej riĉe ilustrita originala libro en nia eldonhistorio".

Iu el recenzintoj jam notis, ke "Vojaĝo..." estas senhonte montrebla al neesperantistaj konatoj, kiel ekzemplo de bona E-libro. Niaj eksperimentoj tamen pruvas, ke en la t.n. "ĝenerala publiko" homoj fakte jam alkutimiĝis al tia kvalito de libroj – jes ili komprenas, ke estas kvalite presita libro, sed tute ne miras pro tiu kvalito, kiu jam, ŝajne, iĝas normo en la mondo. Ankaŭ abundaj ilustraĵoj ne tiel logas eksterulojn, kiel kelkaj samideanoj esperis en siaj recenzoj, – por ekinteresi necesis fari brilantajn okulojn kaj komenti: "Nu jen, ekzemple, en tiu foto staras Zamenhof, la kreinto, kun sia edzino kaj atendas tute realan

[1] Boris Kolker estas membro de la Akademio de Esperanto.

antikvan vaporŝipon!.. Kaj ĉi-homoj umas ne ie ajn, sed sur la Granda Ĉina Muro mem!”. Ni atestas, ke tiel funkciis.

Kontraste al “eksteraj” homoj, esperantistoj tuj aprezos la libron. Jes, ĝi vere estas bone presita, bone ilustrita (ankaŭ per multaj unikaj fotaĵoj). Sed sendube plej gravas en ĝi la tekstoj. “Vojaĝo...” (kiel multaj eble memoras de la unua eldono) estas kolekto de plej diversaj tekstoj en Esperanto, de diversaj aŭtoroj kaj diversaj periodoj de nia lingvo. En “Vojaĝo...” i.a. vi trovos eltiraĵon el “Oni ne pafas en Jamburg” de M.Bronŝtejn kaj rakonton pri historio de Esperanto en Sovet-Unio – sed tio estas nur malgranda ero de la granda tutesperantia trezoro, kia estas “Vojaĝo...” enhave.

La tekstoj estas disdividitaj je 26 lecionoj. Tipa leciono enhavas kvar tekstojn (ĉiu unu-du paĝojn ampleksa, unu el ili – poeziaĵo) kaj parton kun kontrolaj demandoj kaj kreaj taskoj. Tekstojn apudas replikoj de la virtuala gvidanto de la kluba kunveno (aperantaj sur la “sapveziko”, kiu kreskas el tre originala dometo. Ĝi de la unua senatenta rigardo similas moskeon. La dometo havas subskribon “ESPERANTO-KLUBO Vojaĝo en Esperanto-lando”, sed tiu teksto tute ne legeblas, kiam la bildo estas malgranda, kiel en la paĝoj 18, 26, 28, 29 k.a.), rezulte leciono ŝajnas esti “protokolo” de la kluba kunveno. Estas facile konjekti, ke tiu virtuala Esperanto-klubo troviĝas en Moskvo. Do la libro povas esti kaj simpla legolibro, kaj instruilo por progresigaj grupoj aŭ memstaraj progresantoj. Ne vekas iajn dubojn, ke post trastudo de “Vojaĝo...” B-nivela ekzameno iĝos por la lernanto bagatelo, kaj eĉ la C-nivela nur iom timigos.

Kiel ni jam diris, la libro donas imagon pri funkciado de E-klubo. Neglekto de kluba vivo estas unu el plagoj de E-movado. Pro teda aŭ malmulte ligita kun Esperanto kluba vivo multaj forlasas la Movadon, almenaŭ en loka nivelo. Oni povas uzi “Vojaĝon...” kiel bonan programeron de klubaj kunvenoj; mem la libro enhavas tre valorajn tekstojn – ekz. “Ĉefaj formoj de la enkluba laboro” (p. 133).

Boris Kolker ne vane havas sciencan gradon pri lingvistiko. En sia libro li uzas tre taŭgan sistemon por transskribi proprajn nomojn. Simile al la hispana lingvo, li markas neregulajn akcentojn: Sedíĥ, Pasternák, Sáĥarov, sed Grigorjev (ĉar la regula antaŭlasta silabo estas akcentita). Estus interese proponi tian sistemon por ĝenerala uzo, almenaŭ en nia lando – ja tutegale ni devas reskribi niajn nomojn el la cirila alfabeto, do helpu ni la legontojn notante neregulajn akcentojn: Slavik Ivanóv, Aleksándr Osokin, Borís Kolker ktp. Imitindas ankaŭ enkonduko de personaj nomoj en latinidaj alfabetoj, ekz.: Spomenka Štimec (Spómenka Ŝtímec) – tiel la leganto jam havos modelon por legi la nekonatajn literojn. Estas jam iom alia demando, ĉu estas lingva egaleco en transskribado de rusaj nomoj per Esperantaj literoj dum aliuloj uzas sian nacian alfabeton.

Inter nemultaj mankoj de la libro eblas nomi plurajn mistajpojn en subskriboj de bildoj (“Eŭgeno Bogarjov” en p.162, “Hector Hoder” en p.267 ka.) kaj deflankiĝon de la esperantista kompostada tradicio: citiloj en E-tekstoj estas kutime „rus-germanaj“ aŭ „monataj-polaj”, sed ne “jenaj” – eble indus atenti pri tiaĵoj en progresiga lernolibro. (Kiel persono, profesie okupiĝanta pri poligrafio, mi ne konsentas kun Slavik – niaj libroj pli montras plenan mankon de poligrafia tradicio. Oni renkontas ankaŭ „anguletojn“ ‹rektajn›, »inversajn« kaj «francajn». Do ĉiu faras laŭ propraj tradicioj. – A.O.) Iom da gudro aldonas neklarsenca piktogramo de Esperanto-klubo, pri kiu ni jam klaĉis parenteze. Ne tipa estas ankaŭ meto de la komentoj fine de leciono – por lernolibro komentoj estas tre grava tekstoparto, meritanta esti sur la paĝo, al kiu ĝi rilatas. Kaj, bedaŭrinde, eksterlandaj prezoj estas iom troaj por niaj poŝoj, pro kio pluraj dezirantoj devos trovi kontentiĝon en la unua eldono – ve, tro malsimila al la dua.

La libro estas verkita en Esperanto – kaj celas, do, diversnacian publikon. Ĝi estas nek tro por-usona, nek tro kontraŭ-sovetia – bela, moderna kaj ĉiujn kontentiganta.

Sendube “Vojaĝo en Esperanto-lando” de Boris Kolker estas bona bazo por tiuj, kiuj volas senti sin hejme en la tutmonda Esperantio. Ni arde konsilas ĝin al tiuj, kiuj timas aĉeti esperantlingvajn librojn – en “Vojaĝo...” vi nepre trovos ion interesan, ĉar ĝi konsistas el multaj tekstoj pri diversaj temoj. Krome, ĉiu leciono portas fortan emocian efikon. La libro povus esti ankaŭ plej taŭga esperantaĵo por donaci al viaj amikoj, legemaj aŭ ne tre. Ni “Vojaĝu” ĉiuj kune – kaj jam ĉi-somere spertu pli bonan lingvonivelon ĉe niaj aranĝoj.

***Slavik Ivanov kaj Aleksandr Osokin (Peterburgo)***

## LAŬREATOJ DE “LIRO-2002”

Je la Zamenhofa Semajnfino en Kaliningrad estis anoncita la rezulto de la tradicia belarta konkurso “Liro-2002”, organizita de “La Ondo de Esperanto”. La kvinpersona juĝkomisiono (Aleksej Birjulin, Wolfgang Kirschstein, Aleksander Korĵenkov, Alen Kris, Valentin Melnikov) ricevis 45 konkursaĵojn de 22 aŭtoroj el 12 landoj – Brazilo, Britio, Francio, Germanio, Italio, Luksemburgio, Malto, Pollando, Ruslando, Svedio, Togolando, Usono. Ankoraŭ neniam “Liro” estis tiel internacia.

LA REZULTO DE “LIRO-2002”

***Originala prozo***

Laŭreato: Paul Gubbins (Britio) pro “Finsezone”.

Laŭda mencio: Aleksandr Parfentjev (Ruslando) pro “El du ovoj du fratetoj”.

***Originala poezio***

Laŭreato: Nicolino Rossi (Italio) pro “Preter”.

Laŭdaj mencioj: Viktor Ĉaldajev (Ruslando) pro “En nigra ĉirkaŭpreno de mallum’…”; Marie-France Conde Rey (Francio) pro “Gefiloj de Gaia”; Benoît Philippe (Germanio) pro “Vizite”.

***Traduka poezio el la rusa (Фёдор Сологуб. “Расточитель”)***

Laŭreato: Michel Duc Goninaz (Francio).

Laŭda mencio: Aleksandr Uljanov (Ruslando).

***Traduka prozo el la rusa (Михаил Лермонтов. “Тамань”)***

La konkurso de okazis, ĉar partoprenis nur unu traduko.

***Traduka prozo el la angla (Saki. “The Lost Sanjak”)***

Laŭreato: Sten Johansson (Svedio).

Laŭdaj mencioj: Paul Gubbins (Britio); A.P. (Jack) Warren (Britio).

Ĉiu laŭreato ricevos diplomon kaj valoran librodonacon. Konforme al la regularo de “Liro”, la organizantoj havas la rajton ĝis la 31-a de decembro 2004 publikigi la ricevitajn konkursaĵojn en “La Ondo de Esperanto”, libroforme aŭ elektronike.

Gratulon al la laŭreatoj! Dankon al la partoprenintoj!

***Halina Gorecka (Kaliningrad)***

## “POLA ESPERANTISTO” REAPERIS

Aperis la 1-a numero de “Pola Esperantisto”. Post 12-jara paŭzo pola esperantistaro esprimis la deziron denove havi sian propran revuon. Antaŭe ĝi estis eldonata de (tiam ununura E-organizaĵo) Pola Esperanto-Asocio. Nun, pro multiĝintaj E-societoj, kluboj kaj asocioj, la revuo estas eldonata “sendepende”, kvankam kun la “beno” de PEA, de la eldonejo “HEJME”. En la unua numero troveblas: Salutvortoj de Renato Corsetti, de Stanislaw Mandrak (prezidanto de PEA), de Pawel Wimmer (la lasta redaktoro de la “malnova” PE), historian parton dediĉitan al PE kaj unu el ĝiaj eminentaj redaktoroj – Stanislaw Karolczyk, plume de Zofia Banet-Fornalowa, la felietonon “Perfekta esperantista civitano?” de Zbigniew Galor, la unuan parton de skizo pri katolika animzorgado en Pollando de pastro

Jozefo Zielonka, la enkondukan felietonon de la nova redaktoro de PE "Ĉio komenciĝis en Krakovo...", aktualaĵojn ktp. La revuo aboneblas pere de retpaĝo de la eldonejo "HEJME" <www.hejme.e-tools.pl>, kie vi povas trovi ĉiujn necesajn informojn. ***(landa-agado)***

## PLIA LIBRO EL LITOVIO

Komence de decembro 2002 en Litovio aperis ankoraŭ unu libro pri L.Zamenhof en la litova lingvo. Ĝi estas "Svajotojas" (Revanto) de Aleksandras Dambraŭskas (pseŭdonimo Adomas Jakstas). Eldonkvanto – 1000 ekz., amplekso – 96 paĝoj, eldonejo "Varpas" en Kaŭnas.

La libro enhavas multajn fotojn. La libron eniras ankaŭ sufiĉe elĉerpa 20-paĝa ĉapitro de Petras Celiaŭskas "Ludoviko Zamenhof kaj Litovio" en Esperanto. Tiu-ĉi verko de Aleksandras Dambraŭskas la unuan fojon aperis en 1930 en kolekto de biografioj kaj nekrologoj pri famaj homoj "Uzgese ziburiai" (Estingiĝintaj lumiloj). Ĝi estas la sola verko pri L.Zamenhof de litova aŭtoro.

La aŭtoro de la verko prof. Aleksandras Dambraŭskas (1860-1938) siatempe estis unu el la plej famaj kaj aŭtoritataj homoj en Litovio. Li havis tre multfacetajn talentojn, profesie li estis altranga aganto de katolika eklezio, prelato, sed ankaŭ poeto, literatura teoriisto kaj kritikisto, verkisto, filozofo, publicisto, sciencisto, socia aganto, eĉ matematikisto. Li estis la unua esperantisto kaj pioniro de E-movado en Litovio, persone konis L.Zamenhof-on kaj korespondis kun li. En 1890 li publikigis la unuan lernolibron de Esperanto por litovoj. Li ankaŭ estis la unua prezidanto de Litova Esperanto-Asocio, la unua redaktoro de "Litova stelo". La libron oni povas ricevi ĉe la libroservo de UEA. Ĝi kostas 4,5 eŭrojn.

***Renato Corsetti (Italio)***

## PRI ĈINA KUIRARTO – RUSLINGVE POR LA ESPERANTISTOJ

*Ванг Хуай Йю. Искусство китайской домашней кухни. – М.: Импэто, 2002. - 72 с., ил.*

Spite al vaste renkontata opinio, ke ĉiuj feliĉaj familioj havas samspecan feliĉon, en ĉiu vere feliĉa familio estas propraj sekretoj. Ili permesas konservi la feliĉon eterna. Ĉu vi volas, ke via familio estu konstante feliĉa? Se jes – mi malkovru por vi unu etan sekreton de nia familio. Temas pri tio, ke mia edzo tre ŝatas manĝi diversajn ekzotikajn manĝaĵojn, kaj mi tre ŝatas produkti (kuiri, baki, friti k.t.p.) tiujn. Ni konstante aĉetadas librojn, folietojn, bildkartojn, eltranĉas artikoletojn el ĵurnaloj, elŝiras folietojn el kalendaroj, dediĉitajn al kuirado, precipe al tiu nacia (de diversaj popoloj).

Certe, ni ne povis preterlasi la libron de ĉina kuracisto Vang Huaj Ju en la rusa lingvo «Искусство китайской домашней кухни» ("Arto de ĉina hejma kuirado"), kiu estis presita de Esperanta eldonejo "Impeto". Ĉu estas strange, ke Esperanta eldonejo presis libron en la rusa lingvo, dediĉitan ne al Esperanto? Sed vere nenio estas stranga, ĉar la aŭtoro de la libro, gvidanto kaj fondinto de Soĉi-a junulara teatro, estas esperantisto, membro de UEA. Antaŭ 11 jaroj li riskis komenci eksterlandan vojaĝon, parolante nur du lingvojn: la ĉinan kaj Esperanton. Dum kvin jaroj li vizitis ĉirkaŭ 50 urbojn kaj vilaĝojn en Rusio, Litovio, Pollando, Francio, Belorusio, Ukrainio, Moldavio, Rumanio, Turkio, Egiptio. Ĉie li gastis ĉe esperantistoj kaj ie eĉ sufiĉe longe loĝis kaj laboris. Du jarojn la aŭtoro de la libro loĝis en Ukrainio.

Finfine Vang ekloĝis en la rusia urbo Soĉi, kie por li estas sufiĉe varme. (Temas nur pri klimato, ĉar anima spirito de esperantistoj estas same varma en ĉiuj urboj kaj landoj.) Ne estas mirinde, ke tra tuta libro de Vang sentrude trairas la ideo, ke Esperanto estas la plej bona lingvo, kaj esperantistoj same estas unuj el la plej bonkoraj homoj. En la libro estas amike memorigataj kelkaj esperantistoj: Sonja Ŝejnina (gvidanto de Ivanova junulara E-klubo),

Aleksandr Gerasimov, Vladimir Ivanoviĉ Bespalov (prezidanto de Soĉi-a E-klubo), Natalja Grigorjevskaja (estinta prezidanto de Rusia Esperantista Junulara Movado).

Mia edzo kaj mi preferas manĝi vegetarajn manĝaĵojn. De tiu flanko ni estis preskaŭ seniluziigitaj pri la libro de Vang, ĉar pure vegetarajn kuiraĵojn en ĝi ni trovis nur 18 el 84. Ŝajne, la aŭtoro strebis adapti sian libron laŭ rusia gusto. De lia vidpunkto rusianoj (interalie, Vang ne vidas grandan diferencon inter rusianoj kaj ukrainoj, belorusoj) nutras sin ne tute korekte. Ili manĝas tre multe da viandaj produktaĵoj, sed konsilindas prefere manĝi fiŝojn, pli multe da legomoj kaj nepre la plej utilan manĝon – sojon. Eble, speciale por ordinaraj rusiaj manĝantoj kaj kuirantoj, Vang enigis en sian libron tiom multe da kuiraĵoj el (kutima laŭ lia opinio por rusianoj) viando: porkaĵo (25 receptoj plus 7 enhavantaj ŝinkon kaj 15 – porkan grason aŭ lardon), kokinaĵo (11 receptoj[1]), bovaĵo (5), ŝafaĵo (3), anseraĵo (1), kuniklaĵo (1). Sed povas esti, ke mi eraras, kaj tiuj kuiraĵoj vere estas tipaj ankaŭ por ĉinoj. Tiukaze ankaŭ ĉinoj ne havas multe da receptoj de vere sanigaj manĝaĵoj. Ja fungoj (12), fiŝoj (8), salikokoj (7), loligoj (1), kraboj (1), mituloj (1), legomaĵoj (legomoj (1), brasiko (6), peklita brasiko (1), laminario (1), Pekina brasiko (1), florbrasiko (1), karoto (4), celerio (4), papriko (3), tomatoj (2), tomat-pasto (2), spinaco (2), rafanetoj (2), melongenoj (1), verdaj pizoj (1), rafano (1), laktuko (1), lento (1)), cerealaĵoj (rizo (5), tritika faruno (5), maiza faruno (2)), nuksoj (arakidoj (4), juglandoj (2), kaŝtanoj (1), cedraj nuksetoj (1), akaĵunukso (1)), fruktoj (daktiloj (3), pomoj (2), ananasoj (1), akvomelono (1), ĉerizoj (1), piroj (1), persikoj (1), sekvinberoj (1)), mielo (1) kaj sojaj manĝaĵoj (toŭfuo (5), albumeno (1), soja majonezo (1), soja rulaĵo (1)) okupas en la libro sufiĉe modestan lokon kompare kun viando, precipe porkaĵo.




En multaj kuiraĵoj ni trovas ovojn (26), kaj ofte ili estas kunigitaj kun aliaj tiel nomataj "pezaj" produktoj kiel porkaĵo (17), porka graso aŭ lardo (9), vianda (porka) buljono (8). Iam ovoj estas kunigitaj kun kokinaĵo (3), kuniklaĵo (1), fiŝo (3) aŭ salikokoj (4). Nur 7 receptoj ne enhavas krom ovoj iujn viandaĵojn. Miksado entute (laŭ la libro de Vang) estas tipa por ĉina kuira tradicio. Kiel ekzemplon, vidu manĝaĵon nomitan "Salikokoj", kiu reale konsistas el 150 g da senŝeligitaj salikokoj, 75 g da porkaĵo, 50 g da kokina brustaĵo, 15 g da ŝinko, 15 g da fungoj, 15 g da verdaĵoj, 30 g da ovoblanko, 10 g da salo, 30 g da zingibra kaj cepa suko, 50 g da buljono, 50 g da amelo kun akvo, 100 g da porka graso.

Se atenti la plej ŝatatajn ĉinajn spicojn, do necesas nombri salon (67), korean salon (57), oleon (44 plus 4, kie estas skribite simple «масло», kion oni povas traduki Esperanten kiel "butero" aŭ "oleo", plus 4, indikitaj kiel «масло острое» – ĉu akra oleo?), sezaman oleon (14), nigran pipron (18), ruĝan kapsikon (16), pipron (kapsikon?) (11), flavan kapsikon (3), cepon (37), verdan cepon (15), vodkon (44), sojan saŭcon (42), zingibron (41), amelon (37), sukeron (30), vinagron (16), ajlon (14), sezamon (4), mandarinan ŝelon (4), verdaĵojn (2),

[1] Plue ciferoj en krampoj signifos nombron de receptoj, kie oni povas renkonti la menciatan produkton.

koriandron aŭ petroselon (1), laktukon (1), vinon (1), citronan acidon (1), sekpanerojn (1). Por mi estas stranga tiom arda ŝato de vodko, kiu eniras pli ol duonon de la kuirreceptoj. Kiel klarigas mem la aŭtoro de la libro, ĉina kulturo de vodkodrinkado estas tute alia ol la rusia. Ŝajnas, ke ĉinoj ricevas plezuron de la vodka gusto kaj por pliakrigi ĝin eĉ speciale varmigas vodkon antaŭ drinkado. Sekve la manĝaĵoj, preparitaj kun vodko, devas ŝajni por ĉino pli bongustaj ol tiuj sen ĝi.

La plej ekzotikaj manĝaĵoj, prezentitaj en la libro de Vang, estas rano (p.23) kaj holoturio (p.45), kvankam en komentoj la aŭtoro honeste konfesas, ke ĉinoj manĝas ĉion, kio moviĝas: kaj simiojn, kaj katojn, kaj hundojn, kaj testudojn, kaj serpentojn, kaj cervojn, kaj helikojn, kaj musojn, kaj ratojn, k.t.p. En la libro ankaŭ ni povas renkonti iujn produktojn, kutime ne uzatajn de rusiaj kuirantoj: akaĵuo, novkreskinta lento. Apartaj produktoj en Ĉinio estas tute alie uzataj ol en Rusio. Ekzemple, rafanetoj kaj kukumoj ĉe ni neniam estas kuirataj, ĉar ni manĝas ilin nur krude. Al mi tre plaĉis la recepto de ĉinaj pelmenoj, kie oni uzas ne nur viandon, sed ankaŭ legomojn.

En Ĉinio, laŭ vortoj de Vang, loĝas 56 nacioj, ĉiu el kiuj havas proprajn tradiciojn, al kiuj apartenas manĝaj tradicioj. Certe, en unu sola libro ne eblas rakonti pri ĉiuj ĉiniaj naciaj manĝaj kutimoj. Tial la aŭtoro grupigis kuirreceptojn laŭ geografia principo. La tuta libro konsistas el kvar ĉefaj partoj, ĉiu el kiuj estas dediĉita al unu el regionoj de Ĉinio: 1. *Oriento*, 2. *Sudo*, 3. *Okcidento*, 4. *Nordo*. Interese, ke eĉ pilafa recepto estas tute diversa laŭ kuirmaniero kaj produkta konsisto en ĉiu el ĉiniaj regionoj. Se "norda" pilafo estas tute vegetara (el rizo, arakidoj, cedraj nuksetoj, akaĵuoj, daktiloj, sekvinbero), la "suda", male, konsistas krom rizo el porka graso, porkaĵo, salikokoj, ŝinko, ovoj kaj verdaj pizoj.

La aŭtoro de la libro doktoro Vang en produkta tabelo tranombras multajn produktojn, disdividante ilin je viraj (kun plusa energio "jan") kaj virinaj (kun minusa energio "inj"). Laŭ ĉina medicino, la homo devas samtempe akcepti manĝaĵojn "inj" kaj "jan", sed ne trouzi "jan"-produktojn. Ĝi estas tre interesa kaj utila tabelo, sed, bedaŭrinde, ne tute koincidas kun enhavo de la libro mem. Iuj produktoj estas en la tabelo, sed tute forestas en la kuirreceptoj (aveno, sekalo, fagopiro, milio, melongenoj, ruĝa brasiko, folia brasiko, terpomo, beto, asparago, fazeolo, turka pizo, kukurbo, krispa brasiko, leontodo, rapo, apartaj specoj de cepo, lapo, cikorio, pleŭronekto, kankro, sandro, tinuso, angilo, ezoko, sardeloj, kaviaro, omaro, sardinoj, haringo, siluro, bovidaĵo, meleagraĵo, kefiro, margarino, butero, lakto, acidlakto, acidkremo, holanda fromaĝo, svisa fromaĝo, dolĉa kazeo, ŝafa fromaĝo, rokforto, oranĝoj, bananoj, vinberoj, melono, citrono, mango, migdalo, papajo, pruno, sekpruno, frago, moruso, kokosa oleo, oliva oleo, gasa akvo, minerala akvo, minerala sengasa akvo, kakao, kokakolao, kafo, dolĉaj trinkaĵoj, tilia tizano, biero, fruktaj sukoj, ĉampano, ginsengo, teo – entute 73 el 115 prezentitaj en la libro). Kaj male, multaj produktoj el la libro tute ne trovas sian lokon en la tabelo: albumeno, ŝinko, ĉerizo, vodko, juglandoj, fungoj, verdaĵoj, sekvinbero, zingibro, loligoj, peklita brasiko, laminario, pekina brasiko, brasika suko, cedraj nuksetoj, akaĵuo, koriandro, kraboj, amelo, kuniklaĵo, sezamo, citrona acido, rano, sezama oleo, akragusta oleo, mituloj, vianda buljono, pipro, rafano, laktuko, porka lardo, porkfemuro, porka galantino, soja majonezo, soja rulaĵo, soja saŭco, sekpaneroj, tomat-pasto, toŭfuo, holoturio, vinagro, cedrata ŝelo, konfitfruktoj (entute 44 nomoj de produktoj). Do, ni povas por prezentitaj en la libro kuirreceptoj uzi nur trionon de la tabelo kaj preskaŭ duonon el produktoj de tiuj kuirreceptoj ni ne povas kvalifiki kiel "inj" aŭ "jan", sekve ne scias korekte ilin apliki.

Krom la ĉefaj kvar partoj de la libro de Vang, dediĉitaj rekte al kuirreceptoj, la aŭtoro ankaŭ enigis en ĝin diversajn partetojn, kiuj ŝajnas ne nepraj por tiuspecaj libroj, sed aldonas al libro neripeteblan koloron. Antaŭas la ĉefajn kvar partojn la grupo el kvar partetoj. En lirika *Enkonduko* Vang konfesas amon al Rusio kaj ties popolo, artistoj, esperantistoj k.t.p.

Tri sekvantaj post ĝi partetoj agordas legonton al ĉina kuirtradicio. En ili ni ekscias pri *Arto de ĉina hejma kuirado*, *Teknologio de ĉina kuirado* kaj *Principoj de manĝaĵa produktado laŭ ĉina medicino*. Inter interesaj faktoj, enigitaj en ĉi partetojn, estas historio de ĉina kuirtradicio, maniero de tabloservado, rolo de amelo en vianda kuirado, nekutima por rusianoj kulturo de vodko-drinkado. Ankoraŭ unu tasko, kiun plenumas la partetoj, estas trankviligo de legontoj, ke ili ne timu ekzotikan manieron de manĝaĵ-preparado, ĉar la libro de Vang estas tute adaptita al rusiaj kuirkondiĉoj. Sekvas la ĉefajn kvar partojn la grupo el kvin partetoj, diversaj laŭ enhavo. Tio estas *Receptoj, helpantaj daŭrigi la vivon* (kelkaj reguloj de sana manĝado), *Kuracaj receptoj* (receptoj kontraŭ impotenteco – aparte por ambaŭ seksoj), *Intervjuo kun la aŭtoro* (kopiita el "Ivanovskaja gazeta" de la 11-a de septembro 2001), *Postvortoj* (danko al ĉiuj helpantoj dum produktado de la libro) kaj *Pri la aŭtoro* (kurta biografio de Vang kaj la adresoj ligitaj kun la libro kaj la aŭtoro).

La libro de Vang tute ne estas enuiga. Oni povas ĝin simple legi kaj ĝui (eĉ ne kuirante kaj ne manĝante). Tio okazas dank' al viviga rakontmaniero de la aŭtoro, multaj deiroj for de striktaj kuirreceptoj. Ja krom supre memorigitaj kvar plus kvin partetoj komence kaj fine de la libro ni povas renkonti similajn interesaĵojn en la komenco de ĉiuj kvar ĉefaj partoj kaj eĉ subite en iuj konkretaj kuirreceptoj. Ekzemple, la pelmena recepto (p.58-59) transformiĝis en rakonton ne nur pri Ĉiniaj tradiciaj festoj, sed ankaŭ pri vojaĝo en Litovio kun priskribo de litovaj amikoj de Vang. Ankaŭ en la sama recepto ni trovas tipan por la aŭtoro humuron, trapenetrantan la tutan libron (li proronas forĵeti la libron tra fenestro, se al leganto ne plaĉos kuiritaj laŭ la recepto pelmenoj). Sufiĉe ofte Vang aldonas kvazaŭanekdotajn historiojn el sia vivo pri diversaj akcidentoj, kiuj okazis dum kuirado, kiel la historio pri lia konato, kiu post kuirado de kapsiko tuj vizitis necesejon, ne lavinte la manojn (p.61).

Estas nature, ke ĉina kuracisto Vang en sia libro informas nin ne nur pri kuirado, sed ankaŭ pri rolo de kuiraĵoj en sana vivo. Tiaj konsiloj estas donitaj en komentaj malgrandaj partetoj (vidu supre!), kaj ĉefaj el ili sciigas, ke oni devas manĝi multe malpli viandon, ol legomojn, fruktojn kaj fiŝojn (viando devas okupi ne pli ol 20-30% el tuta manĝaĵo); preferindas uzi legomojn freŝajn, ol kuiritajn; ne kombini teon, fruktojn kaj legomojn; preskaŭ ne manĝi grasajn kaj kaloririĉajn produktojn, precipe frititajn; ju pli aĝa estas la homo, des malpli li devas uzi salon kaj sukeron; la plej utilaj manĝproduktoj estas verda teo, sezamo, mielo, kefiro, sojo, juglando, ajlo, rizo (sen salo, sukero kaj oleo). Neniu povas kontraŭdiri tiujn tezojn de Vang. Des pli estas mirinde, ke en la kuirreceptoj mem ofte estas malobeataj tiuj saĝaj manĝprincipoj. Ekzemple, en recepto "Salikokoj" (vidu supre kaj kalkulu mem!) porkaĵo + kokina brustaĵo + ŝinko + ovoblanko + buljono + porka graso prezentas 55% el tuta kvanto de produktoj (laŭ maso). Ankaŭ strange estas vidi inter receptoj kuiritajn (!) kukumojn kaj rafanetojn. Sed, se atente legi la libron de Vang, ni povas rimarki, ke ĉinoj savas sin de sanperdo per specifa kuirmaniero de viando. Ili nepre forigas la unuan akvon, en kiu estis boligita viando, kaj poste kuiras la viandon en nova akvo ne malpli ol 4 horojn, dum kiuj nepre forigas la tutan aperantan ŝaŭmon.

La libron pri ĉina kuirado la aŭtoro volas en proksima estonto traduki Esperanten. Tiu deziro laŭdindas. Sed estus bone, se la traduko estus eldonata en pli bela varianto (temas pri koloraj bildoj ene), kun pli klara formatigo de la enhavtabelo (dume ne estas kompreneble, kie estas ĉefa titolo de ĉapitro, kie komenciĝas ĉiu parto, ĉar nomoj kiel «Кухня Восточного Китая» k.t.p. reale indikas la duan paĝon de la parto, sed vere jam la unua paĝo prezentas la konvenan recepton de pilafo, kiu eĉ ne estas numerita; krom tio numeroj de la receptoj forestas en la libro mem, ĉeestante nur en la enhavtabelo), kun pli atente provlegita teksto sen eraroj kaj mistajpoj. Superfluas trifoja ripeto de informoj pri la aŭtoro (sur kovrilpaĝoj).

Tamen malgraŭ negravaj mankoj, la libro estas vere rekomendinda.

***Irina Mironova (Moskvo)***

## FORPASO




Mi kun granda bedaŭro devas informi ĉiujn, ke la 12-an de februaro 2003 en Tiĥvin forpasis Vladislav Igoreviĉ Rajskij (nask. 14.01.1956).

Slava Rajskij estis mia bona amiko. Li estis poeto kaj preter ĉiuj (vere multenombraj!) plagoj, kiujn prezentis la destino, li iris sian poezian vojon. La poezia familio Rajskij (la patro Igorj, la fratino Natalia kaj mem Vladislav) estis fama en la urbo kaj en la regiono. Iliaj poeziaj prezentoj ĉiam entuziasmigis kaj inspiris la aŭskultantojn. Ili verkis plejparte en la rusa lingvo, kaj nur Slava, eklerninte Esperanton en 1983, tuj provis ĝian uzeblon por verki kantojn kaj poemojn.

Li bone faris tion. Li estis kunfondinto de la Tiĥvina ensemblo de politika kanto en 1984. Li partoprenis kelkajn enlandajn E-aranĝojn, ankaŭ Esperantistan konstrutaĉmenton en la iama Jugoslavio, 1987, kaj la kongreson de SAT-amikaro en Francio, 1993. Li provizis per ĉarmaj kantoj la ensemblon "Espero", kelkajn vi povas trovi en la disko "Blanka nokto". Jen estas unu el tiuj:


*la dua de maldekstre estas Vjaĉeslav Rajskij*

Flustras la gitar' ion al memor'.
Pasas la tendar', restas lasta hor'.
En amika rond' silentiĝas rid'...
Ĝis revid', amik', ĝis revid'!
Kiel la fabel' estis ĉi-somer'.
Nia verda stel' brilis dum vesper'.
Ni sub tiu stel' vagis ĝis aŭror'.
Sonis kantoj el mia kor'.
Ŝajnis, ke la am' regas en la mond',
kaj eterne flam' ludos kun la ond',
sed por ĉiu sonĝ' ĉiam estas fin'...
Rememoru min, amatin'!

Tiĥvina Esperanto-komunumo funebras kaj kondolencas la familianojn kaj parencojn de Vladislav Rajskij. Ni ne forgesos lin!

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## RAZGRADO INVITAS

### *AL LA INTERNACIA LITERATURA KONKURSO "EKRA-2003"*

Esperantista domo de kulturo "D-ro Ivan Kirĉev" (Razgrad, Bulgario) anoncas internacian literaturan konkurson pri poezio kaj humuraĵoj, originale verkitaj en Esperanto – "EKRA-2003", je libera temo. La verkoj ne devas esti jam publikigitaj kaj partoprenintaj en aliaj konkursoj. Verkojn por la konkurso, subskribitajn per pseŭdonimo, oni sendu en tri ekzempleroj al la organizanto – Esperantista domo de kulturo "D-ro Ivan Kirĉev" (str.Sv. Kliment EK-3, BG-7200 Razgrad, Bulgario; retadreso <esperanto_razgrad@mail.bg>). La nomo kaj la adreso de la aŭtoro estu en aparta koverto surskribita per la sama pseŭdonimo. La ĵurio kunsidos la 5-an de junio 2003. La premioj estos Esperantaj libroj kaj diplomoj. Premiitaj verkoj aperos en la revuo "Literatura Foiro" kaj "Esperantista tribuno" (Razgrad). La anonco de la rezultoj kaj la premiado okazos kadre de la Esperanta kultura festo "Abritus-2003" en Razgrad, la 6-8-an de junio 2003, organizotan kunlabore kun LF-koop.

## WILLIAM AULD – KANDIDATO POR LA NOBELPREMIO

La 1-an de februaro en Stokholmo finiĝis kandidatiga periodo por akcepto de novaj kandidatoj por Nobelpremio pri literaturo. Kiel en la antaŭaj jaroj, Esperantlingva Verkista Asocio (EVA) ankaŭ por 2003 proponis kiel la kandidaton William Auld. Tio estas la kvina jaro ekde kiam Auld regule fariĝas kandidato por Nobelpremio pri literaturo. Ĉar laŭ la regulo de Nobelpremio ankaŭ profesoroj pri literatura kaj lingvaj fakoj rajtas proponi kandidaton, la ĉi-jaran kandidatigon de William Auld subtenis kandidatigaj leteroj de universitataj kaj altlernejaj profesoroj el Britio, Italio, Hinda Unio, Kroatio kaj Usono. Ĉiujare alvenas al Stokholmo ĉ.350 kandidatigaj proponoj. La premioton el ducento da kandidatoj Sveda Akademio decidos en oktobro.

## PRI "ORAJ KANTOJ-3"

En E-vivo de Rusio okazis vica grava evento – la serio "Oraj kantoj" estis daŭrigita per la tria KD! Mil gratulojn kaj tuton da blanka envio de mia flanko!

Laŭ la gusto tiun eventon eblas kompari kun granda barelo da bona mielo. Ne estas mia celo meti en ĝin iom da gudro – mi volas esprimi nur mian domaĝon, kiu baziĝas sur la ideo, ke bonajn aferojn necesas fari bone, ĉu neniu kontraŭas?

Bagatelo, sed kun granda miro mi eksciis, ke mi estas tradukinto de la ukraina kanto "Verda folieto". Por mi tio estis surprizo. Malgraŭ ke ripari la situacion verŝajne jam ne eblas, permesu tamen iom svingeti la pugnojn post fino de la "interbatado".

Praktike sola negativaĵo estas plenumo de konata tra la mondo kanto "La kri'". Kiam estis verkita de s-ro F.D.Murphy Esperanta teksto por la melodio de sufiĉe fama angla kanto "My Bonny", tiam en Afriko vere ne multis esperantistoj. Sed nun ja la situacio grave ŝanĝiĝis. En la Estraro de UEA respondecas pri eduko, kulturo, ILEI-rilatoj, sporto kaj afrika agado togolandano s-ro Gbeglo Koffi. En Benino, Ebura Bordo, Ganao, Kongo (Demokratia), Sud-Afriko, Tanzanio, Togolando kaj Zimbabvo ekzistas E-asocioj. Estas esperantistoj ankaŭ en aliaj afrikaj landoj. Okazis jam kelkaj tutafrikaj E-Kongresoj. Ne malofte eblas babili en <www.karelia.komputilo.org> kun afrikanoj... Mi simple imagas kiel leviĝas iliaj ŝultroj, kiel mire ili rigardas unu la alian, kiam ili aŭdas pri "sovaĝaj nigruloj sen Di'"... Mi certas, ke eĉ ne temas pri rasismo flanke de rusiaj esperantistoj – verŝajne ankoraŭ bonfartas tiu fifama sovetia "kraĉa sindromo"...

Ni en "Aktuale" ("bona informil'" de SEJM-1!) legis iam pri tiu temo en artikolo de Julio Muraŝkovskij "Pensu kion ni kantas". Ĉu jam tempas denove surpaŝi la rastilon? Mi memoras, ke antaŭ multaj jaroj ankaŭ en la revuo "Esperanto" oni malrekomendis kanti tiun ĉi strofon kaj proponis iom ŝanĝitan varianton: "En densa afrika ĝangalo, / Iama nigrula soci', / Jam solvis la lingvan problemon, / Per tam-tam disiĝas la kri'". Verŝajne en Kovrov mi ne sufiĉe konvinke atentigis pri tiu kanto unu el la efektivigantoj de tiu vere bonega KD.

***Mikaelo Lineckij (Ukrainio)***

---

*Dum preparado de la diskoj "Oraj kantoj" mi okupiĝis pri kompilo de la listoj de aŭtoroj kaj tradukintoj. Erara informo pri la tradukinto de "Verda folieto" estos korektita dum produktado de la dua kaj eventualaj sekvaj eldonkvantoj de la disko. Mi plene respondecas ankaŭ pri elekto de variantoj de la tekstoj. Mi certe sciis pri malkontentoj rilate la strofon en "La kri'" (estas interese, ke mi neniam aŭdis pri malkontento flanke de la afrikanoj mem) kaj vidis kelkajn proponojn pri ĝia ŝanĝo, sed neniu el la proponoj reale akceptiĝis kaj estis kantata. Unu el la ĉefaj ideoj de la projekto "Oraj kantoj" estas prezenti klasikajn variantojn de la plej popularaj kantoj ĝuste en tiu formo, kiel la verkoj estis ŝatataj kaj kantataj dum pluraj jardekoj. Kaj mi elektis ankaŭ ĉi-kaze sekvi la principan ideon.*

***Garik Kokolija (Moskvo)***

## REZULTOJ DE LA INTERNACIA KONKURSO

### *“PREMIO NAPOLO 2002”*

*pri la temo “Napolo laŭ fantazio kaj rememoro” lanĉita de Napola Esperanto-Asocio kunlabore kun la Napolaj Kulturcentro “Cosmopolis” kaj UNESKO-klubo*

***Premioj por literaturo:***

Unua premio al Vera Zlotnikova (Moskvo, Rusio) pro la poemo “Santa Luĉia”;
Dua premio al Vera Zlotnikova (Moskvo, Rusio) pro la rakonto “Ho, dolĉa Napoli”;
Tria premio al Maria De Masi (Nola, Italio) pro la poemo “Napolo mia bela”.

***Premioj por bildarto:***

Unua premio al Rosaria Ambrosini Letizia (Napolo, Italio) pro la pentraĵo “La Fungo, Lacco Ameno”;
Dua premio al Kalinka Raĉeva (Razgrado, Bulgario) pro la pentraĵo “Bildo 2”;
Tria premio al Anna Maria Bruno (Napolo, Italio) pro la pentraĵo “Pintoj sur la Golfo”;
Honora mencio al Claudio Russo (Romo, Italio) pro la pentraĵo “Piazza Plebescito”.

La laŭreatoj ricevis diplomojn, napolajn artaĵojn kaj/aŭ bildlibrojn pri italaj kaj napolaj monumentoj. Entute por la konkurso venis pli ol 30 konkursaĵoj.

***Napola Esperanto-Asocio***

---

*Ni gratulas nian samlandaninon pro la duobla sukceso! Sube vi trovos la verkojn, pro kiuj Vera Petrovna ricevis la premiojn. En la rakonto per grasigo estas markitaj la akcentendaj vokaloj (kaze se ili estas ne en la antaŭlasta silabo) en italaj nomoj.*

### *Vera Zlotnikova (Moskvo)*

### SANTA LUĈIA

Mevoj kun krio al bordo flugilas,
Ondoj sin levas renkonten al vento.
Kio en kor’ ĉiam ĝoje rebrilas?
Santa Luĉia en suna momento.

La taglumilo per ardo perversas,
Hele rebrilas en mara spegulo.
Kio en koron kvieton enverŝas?
Santa Luĉia sub griza nebulo.

Homo ja mortas, se koro ne ardas.
Homo ja vivas per amo kaj belo.
Kio la amon kaj vekas kaj gardas?
Santa Luĉia sub stela ĉielo.

---

### *Vera Zlotnikova (Moskvo)*

### HO, DOLĈA NAPOLI

El inter la reklama fatraso mi prenis poŝtkarton kun la konata bildo: la bela Santa Luĉia! Ha, ĝi estas de Rita! “Saluton el via kara N**a**poli! Kiel antaŭ tridek jaroj, ankaŭ nun la prezoj ĉi tie superas ĉiujn Olimpojn. Tial ni jam morgaŭ ŝipos al Palermo. Varman kison. Via Rita.”

Mi ridetis. Kaj antaŭ miaj mensaj okuloj eknaĝis malproksimaj, sed karaj bildoj, kiuj estis realo antaŭ… Kiom precize? – Ha, jes: precize antaŭ 29 jaroj! Rita ne multe troigis. La malproksima 1973-a! Kaj ŝajnas, kvazaŭ nur hieraŭ mi veturis en la vagonaro de Roma al N**a**poli. La posttagmezo, kaj la hela itala suno malhelpas al mi admiri la belegajn pejzaĝojn post la okcidenta fenestro. Do mi turnas la rigardon al la kontraŭa benko. En la angulo, ĉe la

fenestro, sidas negranda maljunulo kun tre sulkita vizaĝo de preskaŭ ruĝbruna koloro en perfekte malsulka griza kostumo, blueta ĉemizo kaj mallumruĝa kravato. Apud li – junulo, ankaŭ en griza, sed pli hela, kostumo. Maloftaj por italoj bluaj okuloj.

La junulo legis iun ĵurnalon kaj ĵus refaldis ĝin sur la genuoj. Mi amas la italan lingvon kaj, por paroli en ĝi, mi ne hezitas ĝeni nekonatajn personojn:

– Kiuj bonaj novaĵoj estas? – demandis mi la junulon.

– Ĉiam la samo. Jen, en lia N**a**poli, – li kapsignis al la maljunulo, – la polico sekvestris la tutan stokon da vino pro la rompo de la teknologia procezo…



*N**a**poli: Piazza Municipio – Municipa Placo*

La vina temo ne tre min interesis, tamen mi turnis min al la maljunulo:

– Ĉu bona estas la napola vino?

La maljunulo nekomprene min gapis kaj turnis la kapon al la junulo. Tiu ekparolis al li en tute nekonata al mi lingvo. Poste li turnis sin al mi kaj diris:

– Li estas pura napolano, loĝas en apuda vilaĝo, televidon ne amas kaj la italan lingvon tute ne konas…

Mi interrompis lin mirigita:

– Do vi interparolis napole?!

– Jes.

– Konsterne! Kiam en sia dialekto parolas milananoj, venecianoj, mi almenaŭ la ĝeneralan sencon komprenas. Kaj nun mi absolute nenion komprenis!

Des pli min ekinteresis la regiono, kien mi veturis. Kaj ĝis N**a**poli mem mi interparolis kun la maljunulo helpe de la memvola interpretanto – la junulo.

Do, post tiu interparolo mi tre rapide trovis la vojon de la stacidomo al la napola Mekko, la ĉarma golfo Santa Luĉia. Mi imagis. Mi havas tre fortan imagopovon, sed… Al mia fantazio ne sufiĉis koloroj… Mi haltis sorĉita. Tian lazuron de la golfa akvo efektive ne eblas imagi. Kaj ĝi estis efekte kontrastita de la hela flava kadro el sablo, en kiun tie kaj tie ĉi kuŝigis siajn nazojn diversformaj kaj diverskoloraj boatoj kaj ŝipetoj, kvazaŭ aplikada bildo sur infana tapiŝeto.

Diversaj bildoj unu post la alia elplonĝis antaŭ miaj okuloj. Jen la bruneca San Karlo[1] (biletoj ne estis laŭ mia monujo). Jen la bazaro, kie iu ulo volis vendi al mi faldeblan binoklon por 10 miloj da liroj!

– Vi freneziĝis! Mi en Parizo aĉetis tian por 10 frankoj.

– Kaj kiom tio estas en liroj?

– Mil liroj.

– Prenu.

Kaj nur poste mi komprenis, ke ne la ulo, sed mi lin trompis… Ve! mi ĉiam tre malrapide cerbumas la konverton de unu valuto al la alia. Feliĉe, nun, se mi ree vojaĝos tra Eŭropo, mi ne devos ŝanĝi monon en diversaj landoj!

Subite miaj ĝojaj rememoroj sombriĝis. Ĉu se N**a**poli same malbele ŝanĝiĝis, kiel Pavia?!

[1] Opera teatro en N**a**poli.

En la 70-aj Pavia aspektis ankoraŭ preskaŭ vilaĝe. Ĉe la sunsubiro sur ĝiaj stratoj senhaste paŝis revenantaj hejmen bovinoj. La ĝenerala kolorito estis brike ruĝa, kun ĉarmaj figuraj desegnoj, originalaj por ĉiu aparta domo. Tiutempe, somere, mi preskaŭ ĉiusemajne vizitis kun mia milana amiko la paviajn agrikulturajn foirojn.

En la 1996-a mi venis al Pavia por viziti mian amikinon en apuda ĉu vilaĝo, ĉu urbeto Kocco. La taksiistoj ĉe la stacidomo diris tian prezon por min tien porti, ke mi respondis:

– Prefere per tiu mono mi veturos al Venecio! Diru al mi almenaŭ, en kiu direkto sin trovas tiu Kocco. Mi iros piede.

Estis dimanĉo. De la ankoraŭ pavieca stacidoma placo, pasinte aŭtunkoloran bulvardon, mi eniris la urbon. Nenion mi povis rekoni: anstataŭ la ĉarmaj diversformaj brikaj domoj, mi iris inter du vicoj de monstraj, malpure grizaj betonaj gigantoj. Ĉio funkciis: benzinejoj, kafejoj, ludaŭtomatoj, bankomatoj kaj… eĉ ne unu homo! Demandi, ĉu mi ĝuste iras, ne estis al kiu. Mi jam laciĝis kaj decidis min fortigi per porcio da glaciaĵo. Mi ĝentile salutis iun aŭtomaton. Ĝi same ĝentile englutis miajn monerojn, sed… glaciaĵon ne elkraĉis, kiom ajn mi ĝin batis. Ofendite, mi decidis ne plu komunikiĝi kun aŭtomatoj.

Sed kion fari? Jam proksimiĝas vespero, kaj mi ĉiam marŝas kaj marŝas sur la senhoma strato inter abomenaj betonaj monstraĵoj. Fine komencis aperi aŭtoj: do la semajnfinantoj revenas hejmen. Mi alvenis iun ponton, de kiu jen kaj jen pasis aŭtoj, sed ĉiuj veturis plu en la centron de la urbo. Mi decidis haltigi iun aŭtiston por eldemandi necesajn al mi informojn… Mi nenion komprenis: kiam mi kun saluta rideto levis manon antaŭ alveturanta aŭto, mi vidis, ke la okuloj de la kondukanto kvazaŭ elkaviĝis, sur lia vizaĝo aperis esprimo de teruro, kaj la aŭto sen malakceli flugegis pretere.


*Pavia: Piazza della Vittoria – Placo de la Venko*

Ĉu mi estas pli timiga ol iliaj malbelegaj domoj?!

Jen tia malagrabla rememoro interrompis miajn tre agrablajn rememorojn pri N**a**poli. Mi tre esperas, mi tre-tre esperas, ke la napolanoj ne lasis tiel malbeligi sian belegan urbon!

Vespere, vagante tra la multhomaj iluminitaj stratoj de N**a**poli, mi altabliĝis en iu strata kafeo por iomete ripozi. Kelnero min ankoraŭ ne alvenis, kiam iu junulo demandis permeson eksidi ĉe la sama tablo. Apenaŭ li sidiĝis, ni preskaŭ samtempe ĝoje hais:

– Ha! Saluton! – tio en Esperanto, ĉar ĉiu el ni rimarkis la verdan steleton sur brusto de la alia.

Palm**e**rio ne estis napolano. Li estis el apud Roma. Kaj intencis, same kiel mi, veturi al Kapri. Ni longe vagadis kune tra la urbo. Mi demandis, ĉu li ne scias en N**a**poli iun ne tre multekostan hotelon. Li protestis. Neniajn hotelojn! En N**a**poli loĝas mia kuzino Maria. Ni tranoktos en ŝia hejmo.

Maria kaj ŝia edzo St**e**fano tre gastame nin renkontis, proponis por la vespermanĝo napolan picon. Sur ĝi estis io nekomprenebla, io simila al vermoj kaj inter la dentoj krakis sableroj. Kaj tamen ĝi estis tre bongusta.

Ni babilis ĝis pli ol la dua nokte. La unua iris al lito St**e**fano, ĉar morgaŭ, t.e. hodiaŭ, li devis frue iri al la laboro: li deĵoras en stacidomo.

Ni decidis kun Palmerio veturi plu kune. Li devis fari kelkajn vizitojn en Napoli. Mi dume daŭrigos viziti la urbon, kaj ni renkontiĝos sur la ŝipkajo por Kapri. La vetero abrupte ŝanĝiĝis: anstataŭ la hieraŭa hela suna tago filtriĝis eteta pluvo. Sed eĉ sub la ombrelo mia entuziasmo en la gapado tra la urbo neniom malpliiĝis. Du horojn antaŭ la forveturo mi ne rezistis ankoraŭfoje ekrigardi al tiu perlo de Santa Luĉia. Kiel do ĝi aspektas sub la pluvo? Malgraŭ la pluva vetero en mia brusto ĉio kantis. Kaj mi klare distingis la melodion kaj vortojn de la mondfama napola kanzono. Sed ĉar kun Palmerio ni parolis Esperante, ial la kanzono vortiĝis Esperante:

Ho, dolĉa Napoli,
Ho, sun' beata,
Kie ridetas nur…
…………………
La sortbatata!!!

kuraĝe daŭrigis mi la esperantigon de la spitema kanzono…

La lazuro de Santa Luĉia griziĝis. Sur ĝia surfaco, kiel tra la tuta urbo, saltis gutetoj de pluvo. Kvazaŭ arego da muŝetoj svarmis super la surfaco mem de la golfo. La hela flavo de la sablo malheliĝis. Nur la malsekiĝintaj ŝipetoj ŝajne pli intense rebrilis. Sed malgraŭ ĉio ia trankviliga aŭro aerumis de la golfo. Min ĉirkaŭvolvis luma kaj paca tristo.

Ĉao, Santa Luĉia! Mi nepre revenos al vi!

---

***Grigorij AROSEV***

## MALSUKCESA PASIO

Post almenaŭ hora babilado en la kongresa kafejo, Alfredo proponis al Violetta veni en lian ĉambron. Ili jam de kelkaj tagoj aktivege flirtis, kaj finfine, post la promeso de la najbaro de Alfredo, ke tiu ne revenos en la ĉambron ĝis la kvara nokte, la enamiĝinta paro restis duope en la ŝlosita ejo. Tuj post kiam la seruro klakis, li impetegis al ŝi kaj pasie brakumis ŝin. Ŝi, ridante, responde kisis lian vangon kaj diris:

– Kara, kiom forte mi revis senti viajn kisojn sur mia korpo!

– Ho-o, ja ankaŭ mi! – reeĥis li, aktive malagrafante ŝian jupon, kaj ekvidante ŝiajn sveltegajn gambojn.

– Mi preskaŭ ne povis kompreni, pri kio temas en la prelegoj, kaj dum la ekskurso mi nenion vidis – mi nur revis pri viaj tuŝoj...

– Tute reciproke! – graŭlis li, provante per la dentoj malbutonumi ŝian mamzonon, dum paŭzoj inter siaj kisoj.

Fine ili ambaŭ nudiĝis, kaj Alfredo diris:

– Pro vi mi eĉ decidis morgaŭ ne partopreni la komitatkunsidon de la asocio, kvankam estos tre grava kunveno.

– Ĉu vi estas aktivulo?

– Jes ja, mi estas komitatano. Morgaŭ temos pri la strategia plano por disvastigo de Esperanto tra la tuta mondo. Por mi tio signifas tre multon, sed mi dediĉos mian tutan tempon al vi, mia kara kaj adorata!

– Mi estas tre flatita, des pli, ke ĉio, kion mi vidas nun, prognozas nur la plej brilajn sentojn, travivotajn dum la sekvaj tagoj. Sed ĉu vi daŭre kredas ke Fina Veko povas okazi?

– Tutnepre ĝi okazos, sed flanken ĉi tiujn temojn, ja dum mi rigardas vian korpon, ĉiuj miaj pensoj forvaporiĝas...

– Ankaŭ vi estas tre alloga por mi, sed strange, ĉu vi neniam pensis, ke nia movado poiomete simple transformiĝas al aparta nacio, ĉar la kultura identeco de esperantistoj...

– Dio! Ĉu vi subtenas tiujn traŭmatistojn?

– Jes ja, tio estas almenaŭ pli racia, ol kredi, samkiel tiuj finvekistoj, ke Esperanto fariĝos la dua lingvo por ĉiuj. Tion povas aserti nur malkompetentuloj...

– Sed laŭ mi nur malkompetentuloj povas subteni tiajn aferojn, kia estas tiu afero pri...

– Silentu, alikaze mi tuj ŝtopos vian buŝon per ĉi tiu kondomo!

– Bone, mi silentiĝas, sed ankaŭ vi ne plu ion diru, aŭ mi mortsufokos vin per via ŝtrumpo!

Ili eksilentis, sed post iom da minutoj tamen ekkaresis unu la alian. Ĉio preskaŭ renormaliĝis, Violetta decidis regali lin per ekzotika ĝuo, sed subite ŝi flustre diris:

– Necesas ankaŭ mencii, ke Zamenhof mem estis forte eraranta pri la veraj celoj de Esperanto, kaj vi post iom da tempo mem konvinkiĝos ke ...

Alfredo laŭtege ekkriis:

– Mi ne plu povas aŭskulti tiajn stultaĵojn, des pli ke pasos nur kelkaj jaroj, kaj Esperanto vere fariĝos la...

... Ili vestis sin ne interparolante. Elirante el la ĉambro, la fiaskintaj geamorantoj rigardis unu la alian, kaj Violetta milde diris:

– Mi komprenas viajn sentojn, sed tio nur pli pruvas, ke Esperanto estas simple la lingvo de...

Li senespere svingis la manojn, kaj el lia kongresa sako elfalis libro kun granda titolo: "La budapeŝta manifesto: kiom ni valoras, kaj kion, damne, ni volas".

---

**Grigorij AROSEV (Moskvo)**

## LABORMANIERO DE DIVERSAJ REDAKCIOJ

Imagu tutsimplan situacion: vi jam ricevis la januaran numeron de abonata E-revuo, sed ne ricevis la decembran. Vi pensas, ke la revuo perdiĝis, kaj, ĉar vi volas ĝin legi, turnas vin al homo, prizorganta ĝin. Jen kiuj "dialogoj" (retpoŝtaj) povas okazi.

### 1.

01 de februaro 2001, 14:00

Estimata sinjoro redakcia sekretario,

mi jam ricevis la januaran numeron de "Minuto", sed ĝis nun ne ricevis la decembran. Evidente, ĝi perdiĝis ie dumvoje. Mi petas sendi al mi ankoraŭ unu ekzempleron de la decembra numero – ĝi des pli deziratas, ĉar tie aperis mia artikolo. Koran dankon.

Via abonanto.

01 de februaro 2001, 15:00

via kodo estas abon-t (bonvolu ĉiam mencii!)

Estimata sinjoro,

bonvolu trakti la aferon kun la redaktoro, kiu prilaboris vian artikolon. Mi mem tute ne kontraŭas sendi al vi ankoraŭ unu ekzempleron, sed ĉi-rilate ne mi estas la decidanto.

Amike, redakcia sekretario de "Minuto".

--------------------------------------------------------------------------------

01 de februaro 2001, 16:00

Estimata sinjoro redaktoro de la rubriko "Rubriko",

mi jam ricevis la januaran numeron de "Minuto", sed ĝis nun ne ricevis la decembran. Evidente, ĝi perdiĝis ie dumvoje. Mi petas sendi al mi ankoraŭ unu ekzempleron de la decembra numero – ĝi des pli deziratas, ĉar tie aperis mia artikolo, sub via rubriko. Mi jam skribis al la redakcia sekretario, sed li sugestis kontakti vin. Koran dankon.

Via abonanto.

01 de februaro 2001, 17:00

Estimata sinjoro,

bonvolu trakti la aferon kun la ĉefredaktoro. Mi mem tute ne kontraŭas sendi al vi ankoraŭ unu ekzempleron, sed ĉi-rilate ne mi estas la decidanto.

Amike, redaktoro de la rubriko "Rubriko".

---

01 de februaro 2001, 18:00

Estimata sinjoro ĉefredaktoro de "Minuto",

mi jam ricevis la januaran numeron de "Minuto", sed ĝis nun ne ricevis la decembran. Evidente, ĝi perdiĝis ie dumvoje. Mi petas sendi al mi ankoraŭ unu ekzempleron de la decembra numero – ĝi des pli deziratas, ĉar tie aperis mia artikolo sub la rubriko "Rubriko". Mi jam skribis al la redakcia sekretario, li sugestis kontakti la redaktoron de la rubriko "Rubriko"; post la kontakto kun la redaktoro li sugestis kontakti vin. Koran dankon.

Via abonanto.

01 de februaro 2001, 19:00

Estimata sinjoro,

bonvolu trakti la aferon kun la redakcia sekretario – estas lia kompetenteco. Mi mem tute ne kontraŭas sendi al vi ankoraŭ unu ekzempleron, kaj mi eĉ sendus, se havus, sed ĉi-rilate mi estas plena nenionfarpovulo. Cetere, la politiko de Schroeder estas lastatempe tute neeltenebla.

Amike, ĉefredaktoro de "Minuto".

---

01 de februaro 2001, 20:00

Estimata sinjoro redakcia sekretario,

mi denove turnas min al vi pri la nericevita decembra numero. Mi jam kontaktis s-ron redaktoron de la rubriko "Rubriko" kaj la ĉefredaktoron, kaj ambaŭ ne kontraŭas, ke mi ricevu ankoraŭ unu ekzempleron. Koran dankon.

Via abonanto.

02 de februaro 2001, 11:00

via kodo estas abon-t (bonvolu ĉiam mencii!)

Estimata sinjoro,

ĵus mi sendis al vi la decembran numeron. Okaze de ajnaj problemoj ĉiam kontaktu nin, ni ĝojos vin helpi sen superflua streĉo!

Amike, redakcia sekretario de "Minuto".

---

## 2.

01 de februaro 2001, 14:00

Estimata sinjoro redaktoro,

mi jam ricevis la januaran numeron de "La Ŝpruco de Esperanto", sed ĝis nun ne ricevis la decembran. Evidente, ĝi perdiĝis ie en la senlima Rusio. Mi petas sendi al mi ankoraŭ unu ekzempleron de la decembra numero. Koran dankon.

Via abonanto.

01 de februaro 2001, 14:01

Kara Abonanto,

dankon pro via tre afabla mesaĝo. Ĵus mi revenis el Pollando, kie mi pasigis agrablan semajnfinon, ĝuante la gastamon de la lokaj esperantistoj. Mi faris kelkajn prelegojn pri Waringhien, kaj la lokanoj dankis min per amasa abonado. Estis tre bone, sed – ve! – mi povas malĝoje konstati, ke la loka movado poiomete komencas ŝrumpi. Fakte, la samon mi

jam delonge konstatis koncerne Ruslandon.

Volu atenti, ke en la sekvaj tagoj mi neniel povos respondi retmesaĝojn, ĉar ni la tutan semajnon okupiĝos pri la unua alineo de la redakcia artikolo por la venonta “Ŝpruca” kajero. Sed se vi havus iujn urĝaĵojn, mi klopodos eltrovi paron da minutoj por legi kaj per du vortoj respondi.

Cetere, ni havas tre interesan taskon por vi: ĉu vi konsentus recenzi la esearon de la movada veterano el Trinidado kaj Tobago? Mi plezure foliumis ĝin kaj la legado de ĝiaj 420 paĝoj pasis preskaŭ nerimarkeble.

Tiom por hodiaŭ. Jen la fino de nia latino.

Kore via,

Aleks.

P.S. Kio koncerne vian peton – ve, ve, nur post du semajnoj mi havos tempon pritrakti ĝin. Tute ne sufiĉas tempo, aĥ, ĉiu mia minuto estas plenigita per gravegaj aferoj.

---

**3.**

01 de februaro 2001, 14:00

Estimata sinjoro komerca direktoro,

mi jam ricevis la januaran numeron de “Desperanto”, sed ĝis nun ne ricevis la decembran. Evidente, ĝi perdiĝis ie dumvoje. Mi petas sendi al mi ankoraŭ unu ekzempleron de la decembra numero. Koran dankon.

Via abonanto.

P.S. Fakte, mi jam skribis trifoje al vi, sed ĝis nun neniun respondon ricevis.

01 de majo 2001, 14:00

Bonvolu trakti la aferon kun via nacia poŝtoservo – ni ne povas respondeci pri ĝiaj fiagoj. Lastatempe estis tro da misuzoj de niaj eldonaĵoj, do ni ne povas esti plene certaj, ke via peto ne enhavas iujn ajn provokojn. Tamen ĉio senprobleme fareblas, se vi aliĝos al la societo Zamenhof.

Ĉu vi jam pagis vian kotizon por la postsekva jaro?

Drajver Gril,

la komerca direktoro.

---

**4.**

01 de februaro 2001, 14:00

Estimata sinjoro redaktoro,

mi jam ricevis la unuan ĉi-jaran numeron de “Rusia Esperanto-Ĵurnalo” (REĴu), sed ĝis nun ne ricevis la lastan pasintjaran. Evidente, ĝi perdiĝis ie dumvoje. Mi petas sendi al mi ankoraŭ unu ekzempleron de la decembra numero. Koran dankon.

Via abonanto.

01 de februaro 2001, 14:01

Saluton!

Sendita.

Garegin Dĵamgarjan.

***(unue aperis en “La KancerKliniko”, № 105, Januaro-Marto 2003)***

# DIVERSAĴOJ

**Averto:** *tiu ĉi numero de REGo estas la lasta, kiun ricevos ĉiuj abonantoj-2002. La sekva numero estos sendita nur al tiuj, kiuj pagis sian membrokotizon en REU aŭ REJM por 2003 aŭ la ĉi-jaran REGo-abonkoston.*

---

Kiel vi scias, Odesa E-klubo anoncis en REGo por la jaro 2002 konkurson pri solvado de enigmoj. La premio estis rajto partopreni senpage en iu el Odesaj renkontiĝoj en 2003 (Kristnaska Birdokalkulo, Aprilaj Ridetoj, Ekspedicio Dnestro (1 semajno), Zamenhofaj Tagoj). La sola, kiu korekte solvis ĉiujn taskojn kaj per tio gajnis la premion, estas Valentin Melnikov. ***(T.Auderskaja)***

Mi ŝatus donaci mian premion (senpagan partoprenon en unu el Odesaj E-renkontiĝoj en 2003) al juna esperantisto, forte deziranta partopreni tian aranĝon. Li/ŝi skribu al mi kaj iom rakontu pri si. Bonvolu skribi rete al <vmel@mailru.com> aŭ perpoŝte al la adreso de REGo. ***(V.Melnikov)***

*La solvoj de la enigmoj en REGo № 6(13)*

**ANAGRAMOJ**

ABSTINULO, ALVUSO, ANĜELO, SANO, AROMO, ARTO, RAJTO

**ELIMINADO**

KAPRIC, POSTEN, SKATOL

---

Kruko: *Dio, mia dolĉa Dio, kion signifas por vi jarmilo?*
Laŭta voĉo el ĉieloj: *Jarmilo? Ne pli ol sekundon.*
Kruko: *Dio, mia bona Dio, kion signifas por vi miliono da dolaroj?*
La voĉo: *Miliono da dolaroj? Ne pli ol cendon.*
Kruko: *Ho, Dio, kara Dio, ĉu vi povus doni al mi cendon?*
La voĉo: *Certe. Atendu sekundon...*

***(esperanto-anekdotoj)***

---

## UTILAJ ADRESOJ

**REU:** p/k 57, 105318 Moskvo; retadreso <esperanto@au.ru>; ttt-ejo <http://www.reu.newmail.ru>.

**Libroservo de REU:** p/k 4716, 432063 Uljanovsk; retadreso <yuka@vens.ru>; plena katalogo <http://reu.da.ru/rus/katalogo.htm>.

**REJM:** str.Dugina 17 – 62, 140180 Ĵukovskij, Moskva reg.; retadreso <rejm@euro.ru>; ttt-ejo <www.tejo.org/rejm>.

**UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; retadreso <uea@uea.org>; ttt-ejo <http://www.uea.org>.

# ĈU VI VOLAS VETURI AL SVEDIO KAJ PARTOPRENI EN UK AŬ IJK, AŬ EĈ EN AMBAŬ ARANĜOJ?

La turisma firmao "SAMIKO" <www.samiko.ru> proponas ĉi-somere sekvajn variantojn de vojaĝoj el Viborg kun partopreno en la plej gravaj aranĝoj de Esperantujo: Universala Kongreso (UK) kaj Internacia Junulara Kongreso (IJK).




1. IJK, 18.07-26.07 (buso el Viborg, Helsinki, Turku, pramo, Stokholmo, Lesjöfors, Stokholmo, pramo, Turku, Helsinki, Viborg) – 300 eŭroj/persono + 30 (vizo) + IJK-kotizo.

2. UK, 25.07-03.08 (buso el Viborg, Helsinki, Turku, pramo, Stokholmo, Gotenburgo, Stokholmo, pramo, Turku, Helsinki, Viborg) – 300 eŭroj/persono + 30 (vizo) + UK-kotizo + loĝado en Gotenburgo.

3. IJK+UK, 18.07-03.08 (buso el Viborg, Helsinki, Turku, pramo, Stokholmo, Lesjöfors, Gotenburgo, Stokholmo, pramo, Turku, Helsinki, Viborg) - 450 eŭroj/persono +30 (vizo) + IJK-kotizo + UK-kotizo + loĝado en Gotenburgo.

4. IJK + fjordoj de Norvegio, 18.07-03.08 (buso el Viborg, Helsinki, Turku, pramo, Stokholmo, Lesjöfors, Gotenburgo, Lillehammer, Alesund, Gejranger-fjordo, Skei, Sogne-fjordo, Bergen, Oslo, Gotenburgo, Stokholmo, pramo, Turku, Helsinki, Viborg) – pri la kosto estos informo poste (ĉirkaŭ 700 eŭroj).

5. Fjordoj de Norvegio + UK, 18.07-03.08 (buso el Viborg, Helsinki, Turku, pramo, Stokholmo, Lesjöfors, Lillehammer, Alesund, Gejranger-fjordo, Skei, Sogne-fjordo, Oslo, Gotenburgo, Stokholmo, pramo, Turku, Helsinki, Viborg) – pri la kosto estos informo poste (ĉirkaŭ 600 eŭroj).

Vojaĝoj estos eblaj okaze de ne malpli ol 20 kunvojaĝantoj. Ĝis Viborg el Moskvo eblas veturi per rekta trajno dum unu nokto (ĉirkaŭ 30 eŭroj unudirekten), aŭ de Sankt-Peterburgo per elektrotrajno (2-3 horoj). Interesiĝantoj bv skribi al <mikaelo@samiko.ru>.

**REGo** (Rusia Esperanto-Gazeto) *№ 1 (14) februaro 2003*

***komuna eldono de REU kaj REJM***

*redaktas* Garik Kokolija *kunredaktas* Viktor Aroloviĉ

*poŝta adreso* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105, 125310 Moskvo, Rusio

*retadreso* <gazeto@mail.ru>

*la gazeto estas produktita en la presejo* "Policvet" (Klin)

***abontarifoj por 2003:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 120 rubloj sendendaj al:*

Георгий Владимирович Územ Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 15 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*